XXIa jaro. No 296 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER
GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Kiel staras nia afero?

La 14an de majo malfermiĝos en Parizo nia dua komerca konferenco kaj nia unua scienca. En la sama semajno kunsidos la Komitato de UEA kaj la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj por diskuti diversajn aferojn kun la Centra Komitato de nia movado. Ni tre ŝatus, se ĉiuj naciaj societoj sendus tien delegiton kun bona raporto pri la stato de nia afero en sia lando. Tiamaniere C. K. povus konigi al la Ĝeneva kongreso la sumon de ĉiuj rezultatoj atingitaj.

Multaj estas tre kontentigaj kaj oni ja povas mezuri la grandan vojon jam paŝitan depost la milito. La Esperanto-kursoj atingis tre altan nombron dum tiu ĉi vintro kaj la dudeko da kursoj per radiotelefonio en la plej diversaj landoj interesis milojn da novaj homoj al nia lingvo. Japanaj diplomatoj, reveninte hejmen, povis konstati la grandan progreson de Esperanto en sia lando. Verdaj flagoj salutis D-ron Nitobe en multaj urboj kaj universitatoj. Estas nedubeble, ke nia anaro kreskas.

Ankaŭ nia libraro. Tamen la publiko ankoraŭ scias tro malmulte pri ni. Pri la mondlingva ideo ĝi jam ne ridas, sed ĝi atendas legi pli da precizaj novaĵoj. Ni devas almiliti la gazetaron. Por tio ni bezonas homojn, kaj tiuj bezonas tempon.

Same pri teknikaj vortaroj. Same pri propagando ĉe fakoj. Nia movado estas iom tro amatora. Vasta amaso da bonvoloj. Larĝa sumo da klopodoj. Sed ĉio tro dise. La esperantistoj estas homoj neriĉaj, kiuj ĉiutage perlaboras sian vivon kaj povas dediĉi nur kelkajn liberhorojn al nia afero. Se iu pliŝarĝo okazas, se prezidanto malsanas, se kasisto vojaĝas, tiam ĉio haltas, respondoj ne venas, klopodoj perdiĝas, la tuta irado suferas.

Tio ne gravas se ni povus baldaŭ meti nian aferon kaj nian lingvon en la manojn de iu grava ekstera potenco, kiu ĝin ne nur oficialigus, sed disvastigus kaj prizorgus. Sed nenio simila okazos eble dum generacio. Ni ricevos aprobojn, rezoluciojn, helpojn, ni ĉiujare gajnos novajn kampojn, sed ni dependos ankoraŭ longe de ni mem.

Tial ni devas organizi nian laboron serioze. En ĉiu lando devus ekzisti salajrata propagandisto. Internacie la Centra Komitato kaj la Akademio devus havi plurajn sekretariojn por fari la necesan laboron. Nia tuta lingva pliriĉigo kaj ordigado bezonas tion. Same la korespondado kun eksteraj societoj. Kiom da bonegaj okazoj estis perditaj por Esperanto nur pro manko da tempo libera! Bedaŭrinde kiam iaj riĉuloj eniris nian movadon, ili komencis petoladi pri reformoj anstataŭ helpi nian lingvon pozitive.

Ni devas kalkuli je ni mem kaj serĉi tuj la plej praktikajn rimedojn por meti nian movadon sur bazon seriozan, konstantan, per niaj propraj fortoj. Ĝi estas ebla. Ekzemple la esperantistoj elspezas ĉiujare preskaŭ unu milionon da svisaj frankoj por veturi al kongreso. Por ke parto de tiu sumo iru al utila laboro, la C. K. deprenos 20% el ĉiu kotizo al la Ĝeneva. Tion ĝi nepre faru de nun konstante ĉiujare. Estos komenco de saĝo.

Iom post iom, per komuna bonvolo, metodeco kaj pacienco, ni konstruos solidan domon.

Ni venu multaj al Parizo por akceli tiun kunlaboron.

*Edmond Privat.*

# Lasthora informo!

Dum la enpaĝigo de tiu ĉi numero atingis nin telegramo el Paris kun jena ĝojiga informo:

**La Unua Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj adoptis Esperanton kiel internacian helplingvon en radio-interkomunikado.**

Detalojn vidu sur paĝo 15 sub „Radio“.

## Pri kelkaj aspektoj de la interna ideo.

El la paroladoj de Zamenhof, el kelkaj liaj poeziaĵoj, sed plie el liaj unuatempaj leteroj kaj verketoj pri „Homaranismo“ — ni povas ĉerpi malampleksan, sed tute klaran, materialon pri la interna ideo kaj pri „la verda standardo“ de nia majstro. Zamenhof havis malklaran, sed tre fortan tendencon fondi la homaranan religion, kies viva organo devis esti Esperanto. En unu letero (nun gardata ĉe la petrograda societo „Espero“) li eĉ diris, ke li neniam publikigus sian lingvon, se li estus certa, ke ĝi ne helpos la novan neŭtralan religion destinitan almiliti la mondon. Se Zamenhof, esperis kaj eĉ tute firme kredis, ke dek-milion' homoj dum kelkjaroj aliĝos al Esperanto, li bazis sian kredon sur la potenca forto de la religia entuziasmo. Zamenhof projektis pri organizo de lokaj eklezioj, pri ĝiaj nomoj, pri temploj kaj festoj, li verkis la unuan preĝon kaj sanktigis la standardon. *Aug. Compte,* du generacioj antaŭ nia majstro, ankaŭ provis fondi sian pozitivan religion, kun pli da fortoj, kun sama malsukceso. Homa spirito estas limita. Ĝia disvolvo laŭ unu direkto kaŭzas samtempan senfortecon laŭ aliaj direktoj. Kaj, cetere, oni ne povas fondi novan religion per publikigo de libroj kaj per gazetaj artikoloj. Religion povas fondi profeto, superhoma estulo, kiu rompis kun la ordinara vivo, liginte sin kun la transa mondo. *Compte, Edison, Zamenhof,* . . . firme staris sur la reala tero, estis geniaj en la ordinareco, estis tro raciaj, eĉ en sia libera fantaziado. Esperantisma religio ne naskiĝis, ĉar nek la predikinto — nek la aŭskultintoj estis homoj de la mistika temperamento.

* * *

Tial la Zamenhofa interna ideo en la praktiko mallarĝiĝis ĝis la nebuleca ideo pri la frateco inter la homoj. Sed ankaŭ tiun fratecon vere sentas kaj esprimas nur maloftaj personoj, kiuj — eĉ antaŭ ol ili esperantiĝis — jam estis homoj noblaj, homamaj, helpemaj. Ne faris ilin tiaj la Esperanto, sed en la Esperanto ili trovis taŭgan rimedon por praktiki sian homamon.

Estas ankoraŭ alikarakteraj viroj, kiuj nek volas fondi esperantisman religion, nek kontentiĝas je la nebuleca amo al la homaro, kaj kiuj tamen havas sian „internan ideon“. Verdire ilia nombro estas negranda, sed inter ili troviĝas kelkaj el la gvidantoj de nia movado kaj pluraj modestuloj, kiuj — per sia klero kaj alta spirito — staras super la komuna nivelo. Ili ne ĉirkaŭlimigas la mondlingvan movadon en la apartan sekton, kiu havas sian apartan dogmaron, sian standardon. Ili vidas en Esperantismo nur unu taĉmenton — kaj ne plej gravan — kiu trahakas la vojeton tra la antikvaj montegoj. Estas en la homaro ankaŭ aliaj taĉmentoj pioniraj, taĉmentoj de scienco, filozofio, socia reformo, religio, kooperado, intelekta organizo, kiuj trahakas siajn vojetojn tra la samaj ombroplenaj montegoj. Hodiaŭ tiuj taĉmentoj nekonfide rigardas unu la alian, iufoje malamas, konkurencas . . ., sed ili iam komprenos, ke ĉiuj iliaj vojetoj estas necesaj, ke ili esence estas nur eroj de la tuthomaro kiu vekiĝas.

Tiuj viroj, adeptoj de la interna ideo en ĝia plej larĝa senco, estas veraj reprezentantoj de Esperantismo en la mondo. Ili ja vivas intime ligitaj kun la tuthomara idea movado. Kaj ilia penso nerimarkeble, iom post iom, sorbiĝas en nian movadon, kiu plikreskante formetas de si la tro malvastajn, jam ne taŭgajn, vestaĵojn de l' infana periodo, periodo de l' naiveco, simplismo kaj fanatika netoleremo.

* * *

Ni rapide, kaj tro mallonge skizis la tri aspektojn de la interna ideo, kiu tute ne estas „kredo“ de la plimulto, sed nur de la areto elstaranta. Sed la plimulto ŝatas Esperanton pro pure homaj instinktoj de l' sporto, utilo, gloretamo, kuriozemo, konsolo, profito, amuzo, ambicio k. m. a. Tiuj motivoj estas naturaj kaj sanaj, je la ordinara vidpunkto, kaj sen ili ne povas eĉ ekzisti iu ajn idea movado. Ĉar ĝuste tiu instinktema popolo portas sur siaj ŝultroj la idealeman areton, kiu — tiel alte situita — havas eblecon ĉirkaŭvidi la larĝan horizonton kaj rimarki la malproksimajn, sed esence solidarajn, movadojn en la vasta ekstera mondo.

*P. Stojan.*



## EL NATURO KAJ SCIENCO



# La Hinda Genezo.

Kreo de la mondo laŭ la *Manava-Dharma-Ŝastra.*

[„Manava-Dharma-Ŝastra" t. e. „Libro de la leĝo de Manu" estas por hindo tio, kio estas Korano por turko, aŭ Talmudo por hebreo, alivorte ĝi estas la libro, kiu prezentas bazon de hinda brahmana religio, metafiziko, juro kaj moralo. Origine ĝi enhavis 100.000 versojn, orditajn en 24 partoj. Neniu povas koni daton de ĝia verkado, sed certas ke ĝi aperis antaŭ Budho, do pli ol 2500 jaroj antaŭ nia tempo. Chézy opinias, ke pli ol 3000 jaroj, same kiel William Jones. Ni prezentas fragmentojn el la unua parto, sekvante francan tradukon de A. Loiseleur-Deslongchamps.]

1. Manu estis sidanta, kun la penso direkta al unu sola objekto, kiam la grandaj saĝuloj lin alvenis, kaj, post la respektaj salutoj, al li diris jenan parolon:

2. „Superestro, favorvolu al ni deklari kun ĝusteco kaj laŭ la orda vico la leĝojn kiuj koncernas la kvar primitivajn kaj la miksajn kastojn.

3. Ci sola, ho Estro, konas la agojn, la principon kaj veran sencon de tiu universala leĝo, ekzista per si mem, nekonceptebla, kiun la homa intelekto ne povas ĉirkaŭmezuri."

4. Tiele pridemandita de tiuj grandanimuloj, li, kies povo estis vastega, post la respondsalutoj donis al ili jenan saĝan deklaron: „Aŭdu", li diris al ili.

5. „La mondo estis senluma, nedistingebla, sen ĉia atribuo diferenciga, ne kapabla esti rimarkita de la rezono, nek esti revelita; ĝi ŝajne estis tute endormita.

6. Tiam la Granda Povestro, ekzista per si mem kaj neatingebla por eksteraj sensoj, videbligante la mondon kun la kvin elementoj kaj ceteraj principoj, lumradia de l' plej pura brilo, aperis kaj dispelis la mallumon.

7. Tiu, kiun la spirito sola povas percepti, kiun ne kaptas la organoj sensaj, kiu estas sen videblaj partoj, eterna, la animo de ĉiuj estaĵoj, kiun neniu povas kompreni, disvolvis sian propran lumbrilon.

8. Tiu, post la enpensa decido eligi la diversajn kreitaĵojn el sia propra substanco, produktis unue la akvojn; kaj li metis en ilin unu ĝermon.

9. Ĝi fariĝis ovo brila kiel oro, lumhela kiel astro milradia; kaj en ĝi Li mem renaskiĝis (sub formo de) Brahma, la prapatro de ĉiuj estaĵoj."

— — — — — — — — — — — — — — —

— — — — — — — — — — — — — — —

12. „Restinte en tiu ovo dum unu jaro dia (egalvalora al 4.320.000.000 homaj jaroj), la Granda Povestro per sia sola penso dividis la ovon je du partoj.

13. Kaj el tiuj du partoj Li formis la ĉielon kaj la teron, la intermezan atmosferon, la ok regionojn de l' sfero, kaj la ĉiaman rezervujon de l' akvoj.

14. „El la Animo Universa Li tiris la menson, kiu ekzistas per sia naturo kaj ne ekzistas (por la sensoj); kaj el la menso (Li tiris) Min, internan konsilulon kaj sendependan mastron.

15. Kaj (Li produktis) la grandan intelektan principon, kaj ĉiujn formojn trikvalitajn, kaj la kvin organojn destinitajn percepti la eksterajn objektojn.

16. Unuiginte nepercepteblajn molekulojn de tiuj ses principoj, treege energiaj, al la partetoj de la samaj principoj, Li formis ĉiujn estaĵojn."

— — — — — — — — — — — — — — —

— — — — — — — — — — — — — — —

22. „La Supera Estro produktis grandan nombron da Dioj esence agopovaj, animhavaj, kaj nevideblan armeon da Demonoj . . .

23. El la fajro, el la aero kaj el la suno Li elpremis, por la plenumo de l' sanktofero, la tri eternajn Vedojn, nomitajn Riĝ (Kanto), Jaĝuh (Lingvo), Sâma (Sono)."

— — — — — — — — — — — — — — —

— — — — — — — — — — — — — — —

32. „Dividinte sian korpon je du partoj, la Supera Estro fariĝis duone viro kaj duone ino, kaj, kuniĝinte al tiu ina parto, Li naskis Viraĝ (Manu).

34. „Tio estis mi (Manu), kiu, volinte naskigi la homaron, post la plej penegaj asketadoj, produktis unue dek eminentajn Sanktulojn, mastrojn de kreitaĵaro, nome:

35. Mariĉi, Atri, Angirah, Pulastja, Pulaha, Kratu, Praĉetah, Vasiŝta, Brigu kaj Narada.

36. Tiuj ĉiopovaj uloj kreis sep aliajn Manu'ojn, la Diojn, iliajn ejojn, kaj la Sanktulojn treege potencajn.

37. Ili kreis Gnomojn, Egulojn, Vampirojn, Ĉielmuzikistojn, Nimfojn, Titanojn, Drakojn, Aspidojn, Grifojn kaj diversajn tribojn da diaj prapatroj.

52. Kiam Brahma vekiĝas, tuj la universo plenumas siajn agojn; kiam Li ekdormas, la spirito profunde ripozas, tiam la universo endormas (dissolviĝas).

57. Tiamaniere, per alterna vekiĝo kaj ripozo, la eterna Estraĵo eterne revivigas aŭ senvivigas la tutan aron da kreitaĵoj movemaj kaj senmovaj.

72. Sciu, ke la mil diaj aĝoj kunmetitaj konsistigas sume unu tagon de Brahma, kaj ke la nokto egale daŭras.

74. Post la nokto forpasinta, Brahma, kiu estis endorma, vekiĝas kaj li eligas la spiriton . . .

88. Li donis al brahmanoj (pastroj) devon studi kaj instrui (la Vedojn), plenumi sanktan oferon, gvidi aliujn en la sankta oferado: (li donis al pastroj) la rajton donaci kaj ricevi.

89. Li devigis al kŝatroj (milituloj) protekton por popolo, almozon, sanktoferon, legon de sanktaj skriboj, moderecon en sensaj plezuroj.

90. Al vaisjoj (bienuloj) li donis kiel funkciojn: prizorgi brutaron, almozdoni, sanktoferi, studi la sanktajn skribojn, komerci, procente pruntedoni, kulturi la teron.

91. Sed la Supera Estro difinis por sudroj (sklavoj) nur unu oficon, nome — servi al la antaŭaj kastoj, sen misestimo al ilia merito."

* * *

Estus inda peno, se biologoj kaj atomistoj trastudus la hindan genezon, ĉar tie sin kaŝas treege profundaj ideoj, kiuj memorigas pri la kariokinezo kaj atoma teorio. Psikologo tie povus trovi tre subtilan analizon de l' homa menso. La tempo kaj spaco tiom malproksimigis niajn eŭropajn lingvojn de la sanskrito, en kiu origine estis verkita la Leĝolibro de Manu, ke iufoje la sciencoplenaj sanskritologoj, kiuj tradukis la libron, mem ne komprenis la veran sencon de tiu aŭ alia frazo, kaj havigis al ni jam neplenan aŭ kriplan signifon de l' primitiva idearo. La tasko tion korekti aperas nun al tiuj hindoj, kiuj scipovas eŭropajn ĉeflingvojn. Lastatempe aperis samideanoj kaj societoj esperantistaj ankaŭ en Hindujo. Salutante ilin, ni esprimas deziron vidi sur la paĝoj de nia gazeto artikolojn pri Hindio, verkitajn de la hindoj mem, kiel ni jam vidis la artikolojn de la japanoj, ĉinoj k. a.

[P. S.]

# Nova rimedo kontraŭ la malario.

La malaria aŭ marĉfebro estas malsano de la sango kaŭzita per la piko de kulo. Tamen ne la kulo mem estas danĝera, sed iu en ĝi vivanta mikrobo, kiu per la piko transiras al la homo kaj tie en la sango prosperas. En kelkaj tagoj ĝi plimultiĝas ĝis multaj miloj kaj tiam estigas la marĉfebron. Vastaj teritorioj en Italujo, Hispanujo, Rusujo kaj la Balkano suferas pro tiu epidemio. En la tropikaj kaj apudtropikaj landoj ĝi preskaŭ ĉie estas disvastita kaj jam estis eĉ kaŭzo de senpopoliĝo de vastaj zonoj. Plej efike oni protektas kontraŭ la epidemio per detruo de la kuloj en iliaj vintraj kaŝejoj kaj kovadlokoj [detruo de arbustaĵo, senmarĉigoj, kovrado de ĉiuj nefluantaj akvoj per petrolo ktp]. Multaj registaroj, ekz. tiuj de Usono kaj Italujo, ĉiujare elspezas gravajn sumojn por tiu celo. Tamen en landoj ne sufiĉe dense popolitaj kaj ne kulturitaj tiu metodo ne sukcesas kaj oni estas devigata provi la kuracadon de la malsanuloj.

En la lasta kajero de la „Arĥivo por ŝipa kaj tropika higieno" oni povas legi, ke konata svisa kuracisto en Rusujo eltrovis kaj elprovadis novan rimedon kontraŭ la malario, kaj svisa entrepreno, la Haco-Societo A.-G. en Berno [vidu anoncon en la novembra „Esperanto"], fabrikas kaj jam elprovadis ĝin kun sukceso en diversaj centroj de la epidemio, ekzemple en suda Rusujo, Grekujo, Sirio kaj Hindujo.

Peracrina 303 estas la nomo de tiu nova rimedo. Ĝi estas kombino de albumeno kun akridino, kies mikrobodetrua efiko estas konata depost jaroj. La nova rimedo estas piloloforma kaj eĉ sufiĉe grandaj kvantoj da ĝi ne kaŭzas danĝeron. Ĝi tute ne okazigas malagrablajn sekvojn, kiel la aliaj ĝis nun kontraŭ la malario uzitaj rimedoj. Ĝia plej grava eco ja estas, ke al akurate efektivigita kuracado per Peracrina en preskaŭ ĉiuj kazoj sekvis plena saniĝo je la malario kaj ke ĝi protektas la kuraciton kontraŭ ripetita remalsaniĝo, kio ne okazas post uzo de aliaj rimedoj.

La nuna sistema aplikado de Peracrina kontraŭ la malario, post kiam la nedanĝereco de la rimedo estis pruvita per uzado ĉe bestoj kaj homoj, okazis en la jaroj 1922 kaj 1923, kiam la svisa ruĝkruca komisio ĝin elprovadis en la rusaj pro malsato suferantaj teritorioj de Caricyn ĉe Volga rivero.

D-ro Walker, ĉefa kuracisto de ĉi tiu komisio, povis pruvi en 116 kazoj, ke Peracrina efektive kuracas la malarion, kaj eĉ pli rapide kaj pli daŭre ol la kinino. Ĝi speciale taŭgas por kronikaj, per kinino ne kuraceblaj kazoj.

La atingitaj sukcesoj estas despli interesaj, ke ili okazis ĉe homoj malfortigitaj de malsato kaj multespecaj malsanoj.

D-ro Walker daŭrigas siajn provojn en Grekujo, kie li jam konstatis la mirindan efikadon de Peracrina 303.

*J. Schmid,* Bern.

## Aĝo de la terglobo

estas ne kalkulata, sed proksimume pritraksata de diversfakaj sciencistoj. Geologoj, juĝante laŭ la salkvanto oceana, opinias, ke tiu salo bezonis 100.000.000 jaroj por sia amasiĝo, juĝante laŭ la tavolitaj formacioj ili trovas ĉirkaŭ 400.000.000 jaroj. Geodezistoj, laŭ la kuntiriĝo de l' terglobo malvarmiĝanta, taksas la aĝon je 20.000.000 jaroj. Astronomoj, bazante sin sur kundensiĝa teorio de la formado, trovas ĉirkaŭ 900.000.000 jaroj. Malgraŭ la diverseco de l' nombroj, ĉiuj sciencistoj jam akceptas konkorde, ke la tergloba aĝo nombras je pluraj milionoj da jaroj. Kaj tio harmonias kun la antikvaj mitoj de Hindio, kiuj mencias miliardojn da jaroj, kiuj estis necesaj por formi nunan kosmon.

* * *

## Kiu eltrovis Amerikon?

Oni jam skribis pri tio, ke Kolumbo konis siatempe personojn, kiuj donis al li ideojn kaj eĉ kartojn pri la vojo al „Indio"; kaj veninte al Ameriko, Kolumbo estis certa, ke ĝi estas orienta bordo de Hindio, tial oni erare nomis amerikajn landidojn la „indianoj". Antikvaj legendoj pri Atlantido certe rilatas je la apudamerikaj insuloj. Sed nun venas aliaj, pli certaj pruvoj, ke Ameriko estis konata longe antaŭ Kolumbo. Oni trovis en Usono, Minnesota Ŝtato, runojn kun dato 1362, kiuj diras, ke 30 skandinavoj, el Norvegio kaj Svedio, vizitis Amerikon, veninte tra Nova Skotlando. Oni aliflanke trovis en Pariza Biblioteko Nacia geografian karton, desegnitan antaŭ la Kolumba vojaĝo, kiu montras parton de Brazilaj kaj Antilaj insuloj. En nia tempo iufoje okazas, ke la ventego aŭ la marfluo pelas japanan velŝipon ĝis la amerikaj bordoj; la samo povis multfoje okazadi en la antikva tempo. Kaj fine venas nun bela eltrovo de D-ro Rivet, kiu pruvas, ke antikvaj loĝantoj de Kalifornio kaj nunaj sovaĝuloj de Oceanio estas unu sama popolo. La anatomiaj formoj de kranioj, vestaĵoj, kutimoj, iloj, bataliloj k. m. a. tiom similas ĉe la ambaŭ gentaroj, ke neniu povas dubi pri ilia sanga kaj komunviva parenceco. La lingvo mem tion brile konfirmas. Jen estas la kompartabeleto:

| Dialektoj melano-polinesiaj en Oceanio | Dialektoj de Hoka-gentaro sur Pacifika bordo | Esperanta traduko |
|---|---|---|
| ahi, ai, gai | ahi, ai, hai | arbo, ligno |
| aha, wa | aha, awa | buŝo |
| valuha | baluha | boato |
| na | na | tiu |
| matoi | mato | granda |
| tama | tama | viro |
| wahine | huagen | virino |
| upoko | epok | kapo |
| ihu | ihu | nazo |
| inya | inyau | mi |

Tiaj similaĵoj ne povas klariĝi alimaniere ol per akcepto de la fakto, ke inter Ameriko kaj Oceanio, dum longaj jarcentoj, iris migradaj fluoj da koloniuloj, rifuĝantoj, aventuristoj.

* * *

## Ĉielŝtono (meteorito)

peza je 100 kilogramoj falis sur la limo franco-hispana la 19an de junio 1924; ĉe la falo ĝi romiĝis je multaj pecoj, unu el kiuj estis esplorita per spektro-analizo. Oni trovis en tiu peco jenajn elementojn: fero, nikelo, kobalto, silicio, kalcio, kalio, aluminio, mangano, titano, vanadio, cerio, stroncio.

* * *

**Aviado.** — En la 1919 la rapid-rekordo estis pohore 268 km (Romanet), je la fino 1924 ĝi atingis 448 km (Bonnet). En la 1923 la alt-rekordo estis 11 km (Sadi-Lecointe), en la 1924 ĝi jam superis 12 km (Callizo).

**Aero-ekspedicio** al Norda Poluso nun estas preparata de Usona marestraro; ĝin faros unu rigida direkteblo, hidro-aeroplanoj kaj helpaj marŝipoj, kiuj kune celos science esplori spacon inter Alasko kaj la Poluso, kaj krome elprovi aerireblajn komercvojojn inter Usono kaj Norda Eŭropa.

**Ĉirkaŭtera aervojado** komencas ĉi-aprile laŭ plano de Usona armeestraro. Kvar grandaj biplanoj flugos jene: Washington—Aleutoj—Koreo—Calcutta—Bosforo—London—Washington. La survojaj stacioj de provizado kaj kontrolo jam estas pretaj.

**Geologio.** — Laŭ esploroj de Tammann la tergloba kerno enhavas tri tavolojn. La unua ĝis profundo de 1500 km estas silikatoj kun meza denso 2,9. La dua ĝis 2900 km estas sulfuraĵoj kun meza denso 5,6. La interna estas metaloj, fero, nikelo, arĝento, oro, plateno, kun meza denso 9,6.

**Astronomio.** — Por kiuj ŝatas astroplenan ĉielon, ni donas informojn pri la maja ĉielstato. *Merkuro* videbla el Suda duonglobo kaj el Tropikoj. *Marso* ankoraŭ videbla vespere en Dunaskitoj, ĝi proksimos je 3°,5 al la luno 25. V. *Jupitro* brilas postnoktomeze en Sagarkisto, ĝi proksimos je 1°,4 al la luno 13. V. *Saturno* observebla en Pesilo, proksimos je 2°,5 al la luno 8. V. *Urano* observebla per dulorno en Fiŝoj, matene majfine. *Neptuno* nur per lorno videbla en Leono, kiel stelo 8 gr. *Plenluno* okazos 8. V. 13 h. 42 m. *Novluno* 22. V. 15 h. 48 m. (tempo de Paris). *Akvaridoj*-falsteloj observindaj 3. V.

**Petrolo en Franclando** estis trovita en la pasinta aŭtuno en *Gabian* (Hérault), post longaj serĉadoj komencitaj antaŭ 44 jaroj. Borado ĝis profundo de 107 m eligis petrolfonton, kiu donas ĉiuhore 600 litrojn.

**Acera sukero** estas industrie produktata en Kanado. Oni entranĉetas la vivantan arbon kaj prenas la dolĉan sukon, same kiel oni ricevas el tropikaj arboj la kaŭĉukon, gumon. La acera siropo estas uzata pleje por konfitaĵoj, kaj ĝia komerca valoro en Kanado atingas ĉiujare sumon de 70 aŭ 80 milionoj fr. frankoj.

**Migrado de cikonioj.** — Regula for- kaj alflugo de la migrobirdoj: hirundoj, anseroj, cikonioj kaj multaj aliaj, ĉiam altiris atenton de birdamantoj, kiuj komencis praktiki la „ringadon" por ĝuste kontroli la migrojn de birdoj. La ringado estas fiksado de datumita ringo (celulojda aŭ aluminia) sur la piedo de vivkaptita birdo, kiun oni poste liberigas. La sama birdo, kaptita aŭ morta aliloke, per la ringo informas scienculon pri sia vizito al la antaŭa loko. Jam nun oni ricevas interesajn sciigojn pri la migrovojoj de birdoj. Ekzemple la cikonioj, kiuj somere nestas en Nederlando, Germanio, Estonio . . ., aŭtune flugas al Afriko. Oni sukcesis ekkoni iliajn vojojn. Unu parto da cikonioj flugas tra francaj kaj hispanaj landoj, pasas tra Gibraltaro, turnas iom al oriento, preteriras Saharon kaj atingas la aron da grandaj lagoj, Viktoria, Tanganika, Niasa, poste iufoje daŭrigas la vojon tra Kalaharo ĝis la ekstrema sudo, la Bonespera Kabo. Alia parto da cikonioj flugas aŭtune tra Balkano, tra Bosforo kaj Dardaneloj, preteriras Sirion, Palestinon, Suezon, laŭlongas Nilon, kaj fine atingas la saman lagaron, eĉ la ekstreman sudon. El tio vidiĝas, ke la cikonioj evitas flugi super la maroj, kaj ĉiam iras aŭ tra Gibraltaro aŭ tra Bosporo—Malgranda Azio—Suezo. Ni amu tiujn plumvestitojn, ĉiel protektu ilin kaj admiru en ili la misteran saĝon de la naturo.

**Antaŭsento de tertremo.** — Ĝi estas jam komuna rimarko, ke horduonon antaŭ tertremo la bestoj ŝajnas ial timaj, maltrankvilaj, sencele kurantaj. Antaŭe oni tion „klarigis" per vorto instinkto. Nun oni serĉas la naturan klarigon. Laŭ la nova teorio de abato *Moreux* la origina (sed ne sola) kaŭzo de la tertremoj estas elektro-magneta forto de la suno; rapidaj ŝanĝoj de tiu forto elvokas en la tergloba interno glitojn, rompojn aŭ falegojn, kiuj jam antaŭe estis „maturitaj" per malrapidegaj internaj procesoj, kaj nur mankis al ili la „ŝoko". Inter tiu elektromagneta ŝoko de la suno kaj la rezulta tertremo pasas certa tempo. La bestoj do sentas tiun elektro-magnetan ŝanĝon, kaj tiel ili kvazaŭ antaŭsentas la postan tertremon. Ankaŭ homo povas tion senti, en formo de neordinara angoro, malgajego, timemo, nervostreĉo, konfuza deziro eliri en la plenan aeron, liberan lokon, for de l' domo.

**Polusa ekspedicio** de *Amundsen* havis celon atingi Nordan Poluson, irante tra la Beringa markolo. Komencita en la 1918, la norvega ekspedicio estis treege malfavorita de la naturo: glacio, ventegoj, marfluoj. Aŭtune 1924 ili atingis nur lokon inter Nova Siberio kaj Longa Insularo, kaj devis reveni al la Siberia Kontinento por vintri tie apud Kolyma Delto. Tamen, dum la ses jaroj, la ekspedicio kolektis multajn sciojn pri la klimato, tero, kreskaĵaro, animalaro kaj loĝantaro de la nord-orienta siberia bordo. Nun Amundsen preparas novan ekspedicion, kaj jam ricevas subtenon de privatuloj, inter kiuj unu amerika meceno donacis 100.000 dolarojn. Samtempe kapitano *Bruns*, ankaŭ norvego, projektas nordpolusan ekspedicion per aeroŝipo, tiun projekton subtenas *F. Nansen*.

**Organika vitro** estas ĥemie kreita de du aŭstriaj sciencistoj, *Pollak* kaj *Ripper*, ĝi estas produkto de ureo densita per formaldehido. Tre travideca, nerompema, nesolvebla en akvo kaj en alkoholo, ĝi ŝajnas esti utila por novaj optikaj iloj, mikroskopoj, ankaŭ por aŭtomobilvitroj, oranĝerioj ktp.

## Tutmonda statistiko pri nombro de aŭto-veturiloj en januaro 1924.

| | Person-aŭtoj, vojaĝ-aŭtomobiloj | Ŝarĝ-aŭtoj, transport-aŭtomobiloj | Aŭto-bicikloj motor-veloc |
|---|---|---|---|
| Usono . . . . . . . | 13.484.939 | 1.790 356 | 171.568 |
| Britlando . . . . . | 469.490 | 173.363 | 430.138 |
| Kanado . . . . . | 450 000 | 89 000 | 24.000 |
| Franclando . . . . | 352.259 | 92.553 | 56.222 |
| Aŭstralio . . . . . | 109.157 | 8.934 | 51.085 |
| Germanio . . . . . | 100.329 | 51.739 | 59.409 |
| Argentino . . . . | 85.000 | 850 | 2.700 |
| Belgio . . . . . . | 45.000 | 12.000 | 28.250 |
| Italio . . . . . . | 45.000 | 30.000 | 50.000 |
| Hispanio . . . . . | 45.000 | 8.000 | 7.000 |
| Nov-Zelando . . . | 44.864 | — | 25.000 |
| Hindio . . . . . . | 44 845 | 3.784 | 15.517 |
| Danlando . . . . . | 42.201 | — | 17.544 |
| Sud-Afriko . . . . | 38 000 | — | 15.000 |
| Svedlando . . . . | 35.000 | 8.000 | 30.000 |
| Nederlanda Indio . . | 29.910 | 3.241 | 6.018 |
| Brazilo . . . . . . | 26.400 | 1.600 | 1.084 |
| Meksiko . . . . . . | 21.084 | 3.401 | 500 |
| Kubo . . . . . . . | 20.000 | 6.500 | 375 |
| Havaja insularo . . | 16.825 | — | 411 |
| Svislando . . . . . | 16.697 | 6.342 | 8.215 |

**Floro-giganto.** — En Java-insulo kreksas unu aroida speco, nomata fake *Amorphophallus titanum*, kies aspekto kaj grando mirigas la observantojn. Ĝiaj folioj atingas 6 metrojn en larĝo, ĝia kaliko 1 metron da alto, el la kaliko elstaras „spado" alta 2 metroj. Sed tiu floro-grandegulo ekvelkas post du-tri tagoj.

**Norvegaj fjordoj** en pasinta januaro glaciiĝis kelkloke, malgraŭ la varma Golffluo; tiu glaciiĝo ne estas nenormala apero, kiel oni povus pensi, laŭ la tute neordinare nenormala klimata jaro, kiun nun travivas Eŭropo. Lokaj scienculoj asertas, ke la glaciiĝo de la fjordoj okazas ne malofte.

**Rapida lokomotivo**, kiu ŝajnas esti nun plej potenca en Eŭropo, ekfunkciis sur linio Paris—Nancy. Ĝi pezas 185 tunojn kun la tendro, kaj povas kuri 120 kilometrojn en horo.

 LITERATURO 

# Waldemar Bonsels

Salutinda estis la fakto, ke antaŭ nelonge elvenis en esperanta traduko unu el la plej interesaj karakterstudaĵoj — Ŝolandro — el la verko „Homaj vojoj" de Bonsels. — Pro tio, ke biografio kaj klariga komentario mankas en la tradukaĵo, mi opinias necesa mallongan skizon de la sciindaĵo. — Bonsels, unu el la plej famaj kaj legataj germanaj aŭtoroj de l' nuntempo, estas laŭ deveno norda homo. Lia prapatroj, elmigrintaj el la Normandio, venis Germanujon, la praavino estis holandanino, lia patrino naskiĝis danino kaj ne scipovis la germanan idiomon en sia junaĝo. Kunfluis do lia sango el triboj de l' nordo. 1881 estas lia naskiĝjaro. Deksepjara — post studado en gimnazio nordgermana — li travagadis zigzage migrante Germanujon kaj trinketis ĉe burĝoj kaj proletoj el la dolĉmaldolĉa kaliko de l' vivo. La senbrideco de lia naturo plupelis lin al Azio kaj el la restado en la oriento rezultas lia plej bona verko „Vojaĝo en Hindujo" aŭ „Hinda vojaĝo". Ĝi meritas atenton ĉiulande, kvankam la poeto ne celis al sagacaj esploroj de hinda religio aŭ filozofio. — Depost 1919 Bonsels loĝas ĉe l' bordoj de bavara lago.

Maltrankvila estas la animo de l' poeto, kies verkojn ĉirkaŭplektas subtila reto-vualo de sopiro je vivo riĉa kaj pura, je amo sankta, kiun ni malmultaj estaĵoj perceptas kaj komprenas en la senlima amplekso de ĝia ĉieleca grandeco. Romanecaj estas liaj rakontoj, molaj liaj koloroj, estetikecaj liaj sentoj. Li eksonigas himnojn sunecajn, kiuj lumkovras homojn kaj naturon; lia koro serĉas la koron de l' tero kaj lia okulo estas supermezure kapabla distingi mistikon kaj realecon. El tiu ĉi kapableco estiĝis liaj personoj vivece kaj plastike kreitaj kaj radiante lumsfero ilin envolvanta. Ne elpensitaj ili estas — fantazie, — sed viditaj, korpiĝintaj. — Ie parolas Ŝolandro al vagabondo: „Kiu vidas kaj vidas formon, ties pensoj estas valoraj, sed kiu vidas kaj en li nenio formiĝas, ties pensoj estas senvaloraj, eĉ se ili surprizas la mondon pro akreco kaj efektiveco." — Kaj plue: „La mondo ne estas kreita, por ke oni ĝin prijuĝu aŭ eĉ malestimu, sed ke oni ĝin ekkonu kaj amu tia, kia ĝi estas. Ĉiuj aperaĵoj — estaĵoj estas destinitaj al harmonio; ju pli ni ekkonas ilian valoron, des pli riĉa estos nia vivo." — El tiu ĉi konfeso evidentiĝas, kiom da pensaj riĉaĵoj Bonsels hejmenportis post multjara vagabondado. — Pasie la koro de l' poeto estis ensorbinta ĉiujn trezorojn de li kolektitajn dum sia mondpilgrimado kaj abunde-malŝpare li disdonis ilin en nebarita sento de feliĉo. Tia sindono estas dieca kaj el lia ardanta religieco, la plej alta etoso, naskiĝis forto al kreado kaj formado lin alten levanta super la ĉiutago banala. Amon kaj pacon li predikis. Ĉio penetranta el sub devo demoneca al klara lumo de l' konscio estas por Bonsels konstrumaterialo de formoj spiritecaj. Nur la kreanta fantazio kunfandas ĝin organa unueco de perfekteco kaj nepereigebleco. — En si mem li kaŝportas la miraklojn kaj mirigaĵojn de l' mondo kaj similas en sia religia sinteno sendube al la filozofio de Leibniz.

Bonsels parolas al la tutmondo, ne nur al nacio; pro tio la mondo lin konu en liaj verkoj, kies esperantigon oni konsideru devo internacia. Kaj nur tiam estos necese dediĉi kelkajn paĝojn al la priparolo de la personoj-karakteroj en la natur- kaj homlibroj de l' poeto, kies maturajn fruktojn de l' spirito ni rikoltadas en nia tempo.

*Max Butin*, L. K.

# Bukloj de granda mortinto.

*J. Popper-Lynkeus.*

Foje iu mia amiko rakontis jenon:

Fama Viena anatomisto, profesoro Hyrtl, vizitis la tombejon, por ke li povu en la komuna tombo trovi kranion de la komponisto Mozart. Al mi estis permesite viziti kun li la tombejon.

Nuba kaj akra estis aŭtuna vespero. Tra la tombeja korto, kies ĉiuj flankoj estis malfermitaj, blovis kvazaŭ glacia vento tiel forte, ke mi tremetis je tuta korpo kaj kurbigis mian staturon.

Al tombejisto estis ordonite el komuna tombejo alporti ĉiujn kraniojn en la tombeja korto, kaj ni longe atendadis ĝis kiam ĉiuj estis alportitaj. La tombeja korto estis tute malplena ejo, neĝblanke kolorita; nenion ĝi enhavis, krom unu granda mezalta ŝtontabulo, sur kiu kutime oni metas la ĉerkojn.

Dum ni estis atendantaj, la anatomisto eĉ unu vorton ne parolis kun mi.

La profesoro, maljuna homo, de longe jam alkutimita vivi en tia medio, eĉ ne movetis vizaĝajn muskolojn; li nur pli bone kaj pli forte enruligis sin en la mantelon kontraŭ la akra vento, kaj staris elstreĉita rigardante enirejon de la tombejo; mi kontraŭe ŝajnis esti malfeliĉa, timema, hezitanta infano.

Tre volonte mi estus dirinta ion al la profesoro, por ke mi povu forpuŝi la ĝenajn impresojn; sed mi hontis, timante, ke li eble ne rimarkos miajn pensojn, kaj mi sciis, ke li al mia banala demando certe ne respondus, aŭ se li eĉ respondus al ĉiu mia rimarko, koncerne miajn internajn sentojn — ke ĝi ne estas vira.

Subite ni ekaŭdis paŝojn kaj tuj eniris la tombejan korton iu maljuna virino portanta sur la kapo grandan korbon kaj en la dekstra mano malgrandan lanternon, kiu direktis ŝiajn paŝojn al la ŝtona tabulo.

„La tombejisto, mia filo, estas hodiaŭ malsana" ŝi komencis, „kaj pro tio mi anstataŭ li inspektis la komunan tombejon. Jen, ĉi tie estas la kranioj, estas ĉiuj, eĉ unu ne mankas!" kaj samtempe ŝi metis la lanternon sur la ŝtonon, deprenis la korbon de la kapo elĵetante el ĝi ĉirkaŭ dekkvin ĝis dudek kraniojn sur la ŝtontabulon, kie ili ekruliĝis kiel grandaj nuksoj kaj interbatiĝis.

La sono de malplenaj kranioj kruele resonis en la malplena ŝtona korto dum la maljunulino kolektis kelkajn malsupren falintajn kraniojn ĵetante ilin en la propran antaŭtukon kaj remetante ilin malrapide sur la ŝtontabulon, la anatomisto komencis la precizan ekzamenadon. Tenante en la maldekstra mano la lanternon kaj direktante ĝiajn lumradiojn, anatomisto palpante kraniojn turnetis ilin per dekstra mano tien kaj ĉi-tien.

Mi tremetis per tuta korpo pro ekscito kaj malvarmo; regis mallaŭta silento nur malofte interrompata de la virino, kiu sin turnis al la anatomisto ĉiam kun mallongaj demandoj. Ĉar ĉiam, kiam li traekzamenis ian kranion, ŝi alŝovadis unu alian dirante: „Ĉu, eble vi nun ĉi tiun deziras, sinjoro profesoro?" kaj li skuante la kapon daŭrigis siajn studojn.

Subite la anatomisto turnis sian vizaĝon al mi kaj diris: „Sinjoro! palpu ĝin!" kaj en tiu momento li levis de la ŝtontabulo unu kranion, kaj tenis ĝin en la manplato.

Mi rigardis ĝin, kaj rimarkis belegan kranion havantan klaran frunton kaj sur ties flankaj partoj kelkajn longajn, orblondajn buklojn.

„Kiaj elstaraĵoj kaj kavaĵoj! Kia amplekso de la kranio! palpu, palpu!“ ekkriis profesoro kaj direktis mian dekstran manon, kiun mi timeme etendis, al la kranio tien kaj ĉi tien. „Jes! ni havas antaŭ ni la kranion de Mozart!“

Larmoj plenigis miajn okulojn kaj post kiam mi je respekta teruro palpadis la kranion, tuj mi rapide retiris mian manon, rigardante tra miaj larmoj la kranion.

Intertempe la anatomisto remetis kranion sur la ŝtontabulon, alproksimigis la lanternon kaj rigardadis la blondajn kapbuklojn.

Ili estis ankoraŭ tiel elastaj, ke ili disiradis je kelkaj bukletoj kaj la lanterna lumo donis la ili je kelkajn partojn tian brilon kaj lumon, ke ili ŝajnis apartenantaj al iu viva homo.

La profesoro kun granda miro skuis la kapon, kaj malrapide glitis per fingroj tra bukloj de la kapo, unue tra dekstraj bukloj, poste tra maldekstraj, dirante per milda voĉo:

„Molaj kaj delikataj kiel silko!“ — Ho! Vi bona junulo, Vi!“ kaj turnante sin al mi diris: „Ĉu, eble ankaŭ vi volas provi? Glitu per viaj fingroj tra haroj, kaj certe vi kredos, ke vi dorlotas buklojn de via amatino!“

Sed mi ne estis kapabla tragliti la harojn de la plej afabla senmortulo; ne estis ebla al mi tion fari, kaj mi estis devigita tion sincere konfesi al la profesoro.

„Kiel mi povus tuŝi liajn buklojn!“ respondis mi, „kion li dirus, se li estus eksciinta, ke oni tuŝis.......“ kaj mi pro la plorado kaj ĝemeto ne povis plu paroli.

„Junulo, vi estas prava en via opinio!“ diris la anatomisto per kortuŝanta voĉo al mi, „mi scias, ke eble vi ne volas ĝeni geniulon, kiu bedaŭrinde tiel frue malaperis el nia mondo. Sed lia boneco certe ankaŭ *tion* tolerus!“

„Vidu, kia geniulo li estis, pensu kia grandega laboro!“ diris la profesoro post la malgranda paŭzo, „kia beleco kaj kiom granda sentimento!“

Ĉion li faris por ke la mondo estu ĝoja, li volis esti amiko kun ĉiuj homoj; sed tamen li vivis kaj mortis kiel solulo, malriĉulo; nur nun — post lia morto — mortintoj kaj ni vivantoj ĉirkaŭas komunan tombon — nun, kiam li ne estas plu kapabla ami!

El germana lingvo tradukis
*D-ro Julije Domac, Zagreb.*

---

# Kvar poemoj.

Emil Isac.

☆

## Kiu fosas sian tombon.

Tutan nokton li fosis sian tombon.

Haladzas la argilo. La luno miras sur la ĉielo. La korvoj grakas tra branĉoj.

— Ho mondo, mi forlasas vin. Mi serĉas la blankan bordon, kie sin paŝtas la ŝafoj de l' animo, kaj la tempo kiel virgulino sin etendas sur briltapiŝo.

Kaj li fosas senĉese.

— Mi faras mian tombon, por liberiĝi de la tornistro de l' doloro, por ke ripozu mia korpo. Amen.

Kaj tintobruas la fosilo.

Frumatene estas fosita la tombo. Kiel nigra buŝo, kiu atendas karnon sangan.

Kaj la suno oron pentras sur la teron.

Kaj la homo ekvidas en la herbaro monujon perditan.

— Mono. Mono Mono

Li ekkrias raŭke de la feliĉo.

Kaj li kraĉas en la fundon de la tombokavo, en kiu ridegas la profundo, — li prenas la monon, deĵetas la fosilon kaj fajfante forlasas la tombejon.

## Kial vi ne dormas?

Mia patrino, — kompatinda virino kun koro rompita — envenas kun kandelo en la mano, ŝia varma animo ardas en la malkara kandelo kaj disradias riĉan lumon, ŝi envenas timeme, kiel kompatinda virino, kies koro rompiĝis... kaj ŝi demandas min milde, tremvoĉe:

— Kial vi ne dormas?

Patrino, vi volus ke dormu via filo, en sonĝo blanka, kiel tiam, kiam li dormis en viaj brakoj, kiam li ne konis kanton kaj ne ripetis dekfoje: *vita est labor, labor est vita.* Kiam li ne konis virinojn kun silkaj ŝtrumpoj, kun parfumo kaj sen koro, — kiam lin ne turmentis la metafiziko de sia patro — kiam ĉio, ĉio: estis nur vi, kompatinda virino kun koro rompita.

Hodiaŭ?

Panjo, la sonĝo forflugis, ĝi forflugis kun la infanaĝo. Ĝi estas pagita, vendita je konscienco — klarigita de scienco. Hodiaŭ la sonĝo ne portas al mi sensaciojn, — ĝi estas nur la funkcio de l' nerva sistemo — ho, la sonĝo, la sonĝo foras.

Tutajn noktojn mi pelas ĝin de la palpebroj kiel oran papilion, kiun mi ne ŝatas, — ĉar la fiziko estas interesa, la historio saĝa, la teozofio alloga, la metafiziko honesta — kaj min interesas la vivo, ne la sonĝo. La sonĝo, kiun mi komprenas, — mi scias, ĝi estas mensogo. Sed la vivon, kiun mi ne komprenas — mi amas ĝin en ĝiaj mensogoj. Ho, patrineto mensogas Moro kaj Kepler kaj Heine kaj $CO_2$ kaj Rousseau — kaj ĉiuj, kiuj sonĝis, konstruis, detruis kaj pensis. Ili ĉiuj estas regatoj de l' vivo kaj la vivo estas la sonĝo, kiun mi komprenas, pelante ĝin de la palpebroj.

Mia patrino, — kompatinda virino kun koro rompita — venas en la ĉambron, kun kandelo en la mano kaj ŝi diras mallaŭte:

— Kial vi ne dormas?

Ekstere la ventoj teksas sufero-simfoniojn, la hundeto bojas en la korto. Bluaj migruloj vagas eble sur la vojeto de nia rusta ĝardeno, la tomboj malfermiĝas kaj elvenas la silentuloj... Ilia grandioza enviciĝo — rondodanco de l' malbonaj animoj. La vento ĝemas, la ventoj kriegploras.

El la profundaj arbaroj venas grandaj doloroj — kaj la patrino, tenante la kandelon en la mano, faras krucosignon:

— Kial vi ne dormas? Kia uragano!

Kaj malaperas la patrino el la ĉambro, kiel varma spirito — la parfumo de ŝia amo memorkronon ligas sur mian frunton... Ho, kiam mi estis infano... Mi dormis en tia vetero, forgesinte, ke ekstere bruegas ventoj, proksimigante la eternecon al la tero — ke mia sonĝo flugas kiel suferaglo, super altaj kaj ĉieloj. —

Kaj subite mi sentas, ke estas mallumo, kaj mi krias frostiĝinta kaj rigida:

— Patrino, kial vi estingis la kandelon?

Kaj neniu respondas al mi.

Ĉio estas malluma.

Malproksime, malproksime, tre malproksime briletas flamo blanka. Ĝi estas de la kandelo de mia patrino.

---

## Rustiĝinta plugilo.

Rustiĝintan plugilon mi vidas en ilarejo. Ĝi kuŝas silenta kaj laca. Ĝiaj radoj kovritaj de koto, la fero malakra kaj la jugo kripla; kie estas tiu, kiu kondukis ĝin, kiu plugis la sulkon de l' kredo dum ĝia grincado, kie la kanto, kiu ĝin portis kaj kie la manoj, kiuj ĝin kondukis? La plugilo kuŝas silenta kaj laca.

Ĉu bluajn okulojn kaj blondajn buklojn, neĝofrunton kaj fragolipojn havis tiu, kiu kondukis vin, plugilo, plugilo? Ho, kiom da preĝoj oni diris por la klopodo kaj sukceso de viaj radoj, ho kiom da larmoj kaj ridetoj pulsis en via sulko nigra, ho, plugilo, plugilo al kiu vi apartenis?

Kaj la plugilo kuŝas silenta kaj laca en ilarejo, la korvoj surflugas ĝin kaj la rusto ĝin mordas. Ĝiaj radoj ne plu turniĝas, ĝia fero ne plu varmas, la kanto ne vekas ĝin. Kaj ne sonas vipokrako kaj ne he-krias la junulo... Ho, plugilo, al kiu vi apartenis?

Kiu kondukis vin, kiu zorgis pri vi, kiu ĝojis pri via sulko? Kaj nokte, kiam dormas la mondo kaj la kabanoj silentas, el nebulo, el tombo hejmenvenas iu kaj ekprenas la plugilferon kaj jungas la bovojn kaj li plugas, plugadas. Kaj tutan nokton li plugas kaj la plugilo fajreras kaj la sulko estas pli kaj pli longa... Liaj infanoj restis ja orfaj...

Rustiĝinta plugilo.

☆

## Renkonto.

La kuglo fiksis lin al la tero. En la nazotruojn penetris la profunda odoro de l' tero, super kiu naĝas la eterna bluo.

En la brusto ekploris la koro, ĉar ankaŭ ĝi sentis, ke foriras iu.

La pafilo kuŝis morta kun buŝo senbrua, fajreranta de l' silento. Kaj krono ŝpiniĝis el sunradioj, sonis ĉiuj akvoj kaj ĉiuj arboj kaj ĉiu, ĉiu ŝajnis envolvita en ruĝa.

La okuloj de l' soldato direktiĝis al la polvo. Floro.. Velkinta rozo, ĵetita de vento aŭ de mano. Rozo blanka, kiel fianĉino. La malvarmaj fingroj kunigas la lastan forton, la floron, levas la floron ĝis la buŝo. La lipoj ĝin kisas pasie kaj balbutas la vortojn:

— Rozo... frato...

Kaj mortas kune soldato kaj floro. La parfumo de l' floro ĉirkaŭvualas la turmentitan korpon. Dormu.

El la rumana originalo kun la permeso de la aŭtoro tradukis *Tiberio Morariu* (Bucureŝti).

---

# Niaj proverboj.

*Afabla vorto — kaŝita forto.*
*Por aglo la flugo, por bovo la plugo.*
*Ajla odoro ne decas por sinjoro.*
*Akrobato sur fadeno vivon riskas por guldeno.*
*Akrobato perdas sanon por gajni panon.*
*Akrobato saltas, la ridoj haltas.*
*Akvo fajron limas, fajro akvon timas.*
*Donita almozo por ĵiĉula ripozo.*
*Alta posteno — grava mieno.*

*Alta monto — vasta horizonto*
*Amiko fidela — trezoro plej bela.*
*Angilon oni prenas, sed ĝin malfacile tenas.*
*Anĝelo el ĉielo, demono el kaldrono.*
*Anonca tedo — vana procedo.*
*Antaŭ malamiko dekobla — forkuro ne estas malnobla.*
*Antaŭ ora vorto malfermiĝas fera pordo.*
*Aplaŭdo por aktoro, laŭdo por sufloro.*
*Verda aprilo — birda babilo.*
*Aranea fadeno — pormuŝa kateno.*
*Arbo kreskas ĝis la morto, kaj la penso ĝis la vorto.*
*Arbo kreskis dum jarcento, hom' ĝin hakis en momento.*
*Armea parado kiel palaca fasado.*
*Perĉo laŭdas sian marĉon, kaj mastrino sian barĉon.*
*Bona estas reĝo, kiam justas leĝo.*
*Bonon konfesu, malbonon forgesu.*
*Piulon nutras kaŝtano, malpiulon ne satigas eĉ rostita fazano.*
*Reĝo tronas, ministro ordonas.*
*Ĉapelo skuita — saluto donita.*
*Ĉarlatana parolo efikas pli ol lia pilolo.*

☆

# Dormu trankvile . . . kara frato!

*Dormas frato en revoj neteraj:*
*trankviliĝis en brusto la kor',*
*sur la frunto — paciĝo kun tero,*
*sur la buŝo — riproĉ' kaj dolor' . . .*

*Ĉirkaŭ li — la silenta senvorto,*
*super li — de l' kandeloj la lum' . . .*
*flirtas nigraj flugiloj de l' morto,*
*el eterno minacas mallum'.*

*Kie estas deziroj ribelaj?*
*Kien iris florinta anim'?*
*Ĉu junfrato jam vidas anĝelojn,*
*ĉu li estas libera, sen lim'?*

*Dormas frato en sonĝoj misteraj . . .*
*Lin ne vekos la ĝemoj, nek plor'.*
*Sur la frunto — paciĝo kun tero,*
*sur la buŝo — riproĉ' kaj dolor'.*

*Originalo de A. Miĥajlova. Livny Rusujo.*

☆

# Eraro.

*I.*

*Estis nur eraro tiu ĉi renkonto*
*Kaj atento via estis nur mensog' . . .*
*De sopiro mia profundiĝas fonto,*
*Ree mort' fariĝas por anim' allog'.*
*Kial mi ekrevis, ke por mi kreitaj*
*Estas amo, ĝojo, trankvilec' de l' kor'? —*
*Tiu revo estis vana kaj malsprita . . .*
*Jen finiĝas ĉio . . . ĉio iras for . . .*

* * *

*II.*

*Vi povus esti plej proksima,*
*Sed vi malvarme iris for,*
*Kaj ekposedas min senlima*
*Neesprimebla kordolor'.*
*En vi mirinda estis forto*
*Redoni min al viv', al ĝoj',*
*Sed io (Di'? diablo? sorto?)*
*Forigis vin de l' mia voj'.*
*Kaj jen, restinte tute sola,*
*Infane ploras mi sen fin' . . .*
*Ho, kial, kial vi ne volis*
*En vian koron preni min?*

Georgo Deŝkin, *Moskva.*

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Esperanta Biblioteko Internacia. — El Oriento. Filozofaĵoj. — Lernolibroj.**

*

Du novaj numeroj, ambaŭ speciale interesaj, de la konata kolekto eldonita de l' firmo Ellersiek & Borel reaperis en dua eldono. *El Dramoj* (tradukis L. L. Zamenhof) konsistas el tekstoj ĉerpitaj el Ifigenio en Taŭrido kaj el La Rabistoj. Ni do per sola libreto konatiĝas kun la du plej gravaj klasikuloj el Germanujo, Goethe kaj Schiller, kaj spertas, kiom arte, fidele kaj simple nia Majstro tradukis poezian aŭ prozan verkon. *Amoro kaj Psiĥe* (tradukis Emilo Pfeffer) estas la ĉarma antikva fabelo, kiu inspiris tiom da poetoj, pentristoj aŭ skulptistoj. Ni legas ĝin en bona traduko el la latina lingvo kun la tuta naiva gracieco de l' originalo. Ĉar malmultaj havas la feliĉon ellerni grekan aŭ latinan lingvojn sufiĉe por ĝui ilian literaturon, bona esperanta traduko de malnova aŭtoro estos ĉiam tre ŝatata.

*

Ĉiam interese estas ekscii pri progreso de nia movado en Oriento. Tri novaj broŝuroj pruvas ĝin. *Javaj legendoj kaj fabloj* estas kolekto da sep mirrakontoj, el kiuj kelkaj similas al fabloj de ĉiuj nacioj, kun iliaj geprincoj aliformigitaj en bestoj ĝis la malbona sorĉo estos venkita, dum aliaj lasas pli originalan alikulturan impreson. Bedaŭrinde kelkaj nekorektaĵoj difektas la verketon. *Oomoto,* kun surkovrila multkolora simbolo, informas pri nova spirita movado, kreita de Onisaburo Deguĉi, kies vivo kaj religia sistemo estas pli malpli klare (laŭ la mistikemo de l' leganto) konigataj per plaĉa broŝuro kun pluraj bildoj. La nova profeto diktis jam, oni diris, okdek mil foliojn, kiuj, tion opinias la kredantoj, fariĝos la nova evangelio de la tuta mondo. *Esperanta Gvidilo* (Yoshi H. Ishiguro) estas lernolibroj por japanoj. Ĝi enhavas ĉiujn gramatikajn principojn necesajn por kompreni la aranĝon de Esperanto kaj eklerni ĝin. La libreto ŝajnas bone ordigita, klara, kaj la informoj tute freŝaj.

*

*Aventuroj de Malspertulo* (tradukis Tobias Sigel) estas tre interesa, ofte amuza skizo pri travivaĵoj de germano nove alveninta al Usono. Ke la aŭtoro, post peniga seniluziiga komenco tamen fariĝis talenta ŝatata verkisto, tio aldonas plian valoron al la priskribo de liaj unuaj malsukcesaj diverscelaj klopodoj La traduko estas tre bona. Mi nur bedaŭras, ke tian mallongan elĉerpaĵon oni tradukis kaj eldonis. Oni prezentu al ni verajn librojn, kaj oni aperigu tiajn malampleksajn prozaĵojn en revuoj aŭ en antologioj. Tro da broŝuretoj en niaj esperantaj bibliotekoj *Parvuli* (trad. Ramo) estas kortuŝa historio de knabo, kiu pro arda kredo oferas sin ĝis morto por savi la patron el la senreligio. La aŭtoro asertas, ke la rakontataj faktoj estas veraj. Se jes, ili estas tiom nenaturaj, ke oni demandas al si ĉu trudo de kredo tiom fanatika al infano estas ekzemplo imitinda aŭ danĝera eraro.

*

La *Germana-Esperanto Konversacia Libro* (de Robert Kreuz kaj Max Butin), bele bindita en tolo, celas instrui nian lingvon, ne per vortoj lernotaj aŭ reguloj klarigitaj, sed per frazaro praktika, kies uzo per si mem anstataŭos unuan kaj duan necesaĵojn. Do, en unua parto, multnombraj frazoj ebligas, ke lernanto mem praktike ensorbu la gramatikajn principojn. Dua parto liveras esprimojn necesajn por la ĉiutaga uzo de l' lingvo. En la aliaj partoj estas vortlistoj ordigitaj laŭ temoj, letermodeloj, proverboj kaj duobla vortaro. La kolekto de frazoj estas abundega, ili estas bonstilaj sed kelkfoje komplikaj; ankaŭ kelkaj preseraroj restis. *Hirt's Esperanto-Taschenwörterbuch* (A. Degen kaj B. Kötz) en malampleksa kunportebla volumo donas duoblan vortaron por Germanoj kun jam riĉa provizo da vortoj. Elekto de l' radikoj, precizeco de l' tradukoj, aranĝo kaj preso, kaj fine ankaŭ prezo malalta, estas laŭdindaj, kaj la vortaro speciale konsilinda kiel rapida memorhelpilo aŭ por lernantoj.

15 marto 1925. *G. S.*

---

# Tra la gazetaro.

*„Heroldo de Esperanto“* publikigas „Kordoj de l' Tero“, vojnotojn de N. Roehriĥ pri budhanaj monaĥejoj en Himalajo kaj Tibeto, tradukitajn de nia latva samideano E. Grot. — En la 22-a numero ni trovas statistikon pri abonantaro de la Heroldo: Germanio, Aŭstrio, Saar, Danzig — kune 1224; Slavaj landoj — kune 638; Brita imperio 133; Hungario 114; Skandinavaj landoj 130: Nederlando 87: Japanlando kaj Ĉinlando — kune 96; Franclando 73; Finnlando 71; Belgio 60; Svislando 57; Rumanio 52; Litovo - Latvio 73; Usono 47; Hispanio - Portugalo 56; Italio 35; Estonio 29; Suda Ameriko 55; Meza Ameriko 15; Persio 6; Greklando 2; Hindio, Indio-insula — kune 4. Entute 3014 abonintoj. — En la 18-a numero „Libera Tribuno“ daŭrigas diskuton pri propraj nomoj, kiu montras, ke la publiko havas intereson pri la lingvaj demandoj.

*„Progreso“*, en la marta numero, donas tripaĝan artikolon pri Masaryk kaj Beneŝ. La unua prezidanto de la Ĉeĥoslov. Respubliko nun estas honorata okaze de la 75-jaraĝa jubileo. En la sama n-ro ni legas vivresumon de la mortinta blinda esperantisto K. Macan, kiu multon faris por nia movado.

*„Pola Esperantisto“*, en sia februara numero, enhavas artikolon „Kiel eviti la disfalon en dialektojn?“ de J. Kostecki, kiu konsilas la disciplinon, obeemon al opinioj de la Lingva Komitato. La konsilo estas tute bonintenca; bedaŭrinde ni ne aŭdas multon de aŭtoritata opinianto, kiu sola rajtas decidi pri multaj kaj multaj dubaj punktoj: propraj nomoj, artikolo, akuzativo, vortformado, radikelekto, ktp.

*„Sennaciulo“* N-ro 23 enhavas respondon de Lowo al artikoleto de Botvinkin pri landonomoj. Ambaŭ traktas la problemon tute originale kaj niaj lingvistoj povas tie trovi utilaĵojn. La proponitaj landonomoj: Sviso, Svedo, Franco, Englando, Spanio, Danmarko, Belgio, ... estas konformaj al la internacieco, sed postulas, ke oni formu la nomojn de nacianoj per -ano. Male, la formoj: Polno, Hispo, Italo, Ruso neniel praviĝas.

*„Sud-Ameriko“* estas nomo de nova folieto, presata en Montevideo, organo de la Urugvaja Esp.-Soc., kiu helpas nian propagandon per informoj dulingvaj: hispane kaj esperante.

*„Bulgara Esperantisto“* N-ro 6 donas plej lastajn ciferojn pri statistiko de Bulgario: Landa suprajo = 103 146 km., 4.728.049 enlanduloj plus 118.922 rifuĝintoj el Rusio, Macedonio, Trakio, fremduloj k. c. 92 urboj, 215 stacidomoj, 4214 vilaĝoj, 860.276 mastrumejoj. Tia estis stato je la 1921. I. 1.

*„Hungara Esperantisto“* N-ro 3 donas interesajn ciferojn pri la loka gazeta servo: aperis dum la tuta jaro 1924: pri Esperanto 536 artikoloj kaj per Esperanto 271, entute 807, en 72 diversaj gazetoj, eldonataj en 19 urboj hungaraj.

*„Ligilo por vidantoj“*, oficiala informilo de universala asocio de blindaj esperantistoj. Eldonita de N. Bánó en Budapest, redakcio H. Thilander en Svedlando. Unua numero de tiu nova gazeto aperis en marto. Ĝi enhavas artikoletojn kaj versojn de la senvidaj samideanoj. Ĉiuj kiuj volas sekvi la Esperanto-movadon inter la blinduloj kaj subteni la senvidajn verkantojn, tiuj certe abonos la novan revueton. Abono 4 svisaj frankoj sendotaj al S-ro Percy Merrick, Penso, Shepperton, Anglolando.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Internacia Konferenco

**por la uzado de Esperanto en Komerco kaj Industrio**
*Parizo, 14 - 15 - 16 Majo 1925.*

PROGRAMO

**Ĵaŭdo 14**

Posttagmeze je la 15-a: *Malfermo de la Konferenco ĉe la Pariza Komerca Ĉambro, 27, Avenue Friedland.*
Bonvena saluto al la Invititoj.
Respondo de la Delegitoj.
Elekto de Prezidanto kaj Estraro.
Definitiva programo.

Vespere 20.45: *Solena Malferma Kunsido en la Granda Amfiteatro de la Sorbonne,* sub la prezido de S-ro Charles Richet, membro de l' Franca Instituto.
*Oratoroj:* S-ro Daniel Berthelot, membro de Scienca Akademio: pri „Esperanto kaj Scienco".
D-ro Pierre Corret, vic-prezidanto de la Société Française d'Études de TSF, prezidanto de l' Franca Komitato por la transatlantikaj provoj: pri „Esperanto kaj TSF".
S-ro André Baudet, membro-trezorestro de l' Pariza Komerca Ĉambro: pri „Esperanto kaj Komerco".
S-ro D-ro Edmond Privat, prezidanto de Esperantista Centra Komitato (parolado en Esperanto).
*Muzika Parto:* Kun talentoplena partopreno de S-ino Demougeot kaj de S-ro Murano ambaŭ el *Théâtre National de l' Opéra,* de plejsprita kanzonisto G. Chepfer. Orkestro, ktp.

**Vendredo 15**

Matene je la 10-a: *Laborkunsido ĉe la Foiro de Paris.*
a) Statistika raporto; Esperantistaj organizacioj en diversaj landoj; kiel ilin uzadi por la komerco internacia.
b) Kiamaniere konvinki la komercistojn pri la rapida uzebleco de Esperanto, konsiderata kiel internacia kodo por skriba kaj parola interkomunikiĝo. Ŝlosiloj Ĉefeĉ.

Posttagmeze je la 15-a: *Laborkunsido ĉe la Foiro de Paris.*
a) Instruado de Esperanto en komercaj rondoj.
b) Raportoj pri la kursoj en diversaj landoj; efektivigo de la deziresprimo de la Venezia Konferenco.
c) Komercaj vortaroj; teknika vokabulario.

Vespere je la 21-a: *Vesperfesto,* organizata de la Pariza Esperantista Grupo kun la partopreno de la „Verda Kato".

**Sabato 16**

Matene je la 10-a: *Laborkunsido ĉe la Foiro de Paris.*
a) Disvastiĝo de Esperanto en la komercaj rondoj (komercaj foiroj, korespondado, telegrafado, komercaj informoj per TSF, reklamo, turismo).
b) Studado de taŭgaj metodoj por plikonigi kaj utiligi Esperanton ĉe la komercistaro.

Posttagmeze je la 15-a: *Vizito al la Foiro de Paris.*
Esperantaj konversacioj kun la firmagentoj en la „Halls du Bureau Moderne".
Internacia konkurso de *Esperanto-Skribmaŝinistoj,* organizata de la Asocio Descartes.

Vespere je la 19.30: *Bankedo* en la Restoracio de la Foiro de Paris.

**Dimanĉo 17**

Posttagmeze je la 15-a: *Vizito al la Ekspozicio de la Modernaj Dekoraciaj kaj Industriaj Artoj.*

Internacia Konferenco por la uzado de Esperanto en Komerco kaj Industrio okazos la 14an — 17an de Majo 1925 dum la Foiro de Paris, kiu unuafoje estos internacia. La Konferenco estas protektata kaj monhelpata de la Paris'a Ĉambro de Komerco, de la Foiro de Paris kaj de gravaj komercaj firmaoj kaj personoj. Ĉiuj Ĉambroj de Komerco kaj Foiroj estis invitataj kaj multaj jam aliĝis kaj sendos delegitojn. Ĉiuj komercaj grupoj kaj personoj rajtas peti invitilojn. Kiel praktika eksperimento, en la Foiro de Paris, la Halo de la Moderna Oficejo (Hall du Bureau Moderne) enhavos plurajn ekspoziciejojn en kiuj dejoros oficistoj parolantaj Esperante. Estas dezirinde, ke ĉiuj Esperantistoj, kiuj vizitos Paris'on dum majo iru al la Halo de la Moderna Oficejo en la Foiro kaj petu informojn Esperante.

*Esperanto et Commerce,*
20 rue de l' Arc de Triomphe, *Paris 17e.*

Represo en naciaj gazetoj estas petata, kaj kiam eble sendo de ekzemplero; pro tio ni antaŭdankas.

---

## Propaganda vojaĝo de S-ro pastro A. Ĉe.

S-ro pastro A. Ĉe sukcese trapasas, lando-post-lando kaj urbo-post-urbo, farante la paroladojn ĉie, kien oni lin bonantaŭe invitas laŭ konvenaj kondiĉoj kaj garantioj de flanko de l' lokaj grupestroj. Rumanio, Hungario, Ĉeĥoslovakio, kaj nun Germanio, jen estas lia ĝisnuna marŝvojo.

Nur kelkajn urbojn ni ĉi tie notas, por ke la leganto havu proksimuman ideon pri la direkto de la vojaĝo. *Rumanio* (Febr.): Cluj, Deva, Oradea Mare. *Hungario* (Marto): Debreĉen, Nyiregyháza. *Ĉeĥoslovakio* (Marto): Košice, Ostrava, Přerov, Olomouc, Jägerndorf, Landskron, Ustí, Hradec Kralové, Pardubice, Praha, Jičín, Trautenau, Reichenberg, Warnsdorf. *Germanio* (Aprilo). Oni invitis S-ron Ĉe ankaŭ al Italio, Franclando, Belgio, kc. Ne parolante pri la morala graveco de tiu vojaĝo, organizita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanta Movado en kontakto kun UEA, ni notas interalie, ke kiel materia rezulto de tiu vojaĝo venas aliĝoj al UEA, aĉetoj de akcioj de la Radio-Stacio Esperantista, k. a.

---

## Esperantista Kongresa Dataro.

| | |
|---|---|
| Majo 9—12: | Iberia III-a Konfederacia Kongreso, Córdoba |
| Majo 14—16: | Scienca Konferenco pri Esperanto-uzo, Paris |
| Majo 14—16: | Komerca Konferenco pri Esperanto-uzo, Paris |
| Majo 21—24: | Kataluna XII-a Federacia Kongreso, Mallorca. |
| Majo 29—2. VI.: | Brita XVI-a Kongreso, Leamington |
| Majo 30—1. VI.: | Ĉeĥoslovaka III-a Kongreso, Teplice-Trenč. |
| Majo 30—1. VI.: | Nederlanda Jarkunveno, Gojland |
| Majo 31—1. VI.: | Germana XIV-a Kongreso, Magdeburg |
| Majo 31—1. VI: | Hungara VII-a Kongreso, Budapest |
| Majo 31—1. VI.: | Dana Jarkunveno, Odense |
| Majo 31—2. VI.: | Franca Kongreso, Clermont-Ferrand |
| Majo 31—2. VI.: | Belga Kongreso, Verviers |
| Julio 9—12: | Bulgara XII-a Kongreso, Sofia |
| Julio 11—12: | Sveda laborista Kongreso, Uddevalla |
| Julio 31—7. VIII.: | Somera Universitato Internacia, Genève |
| Aŭgusto 1: | Antaŭkongreso, Bern |
| Aŭgusto 2—7: | Universala XVII-a Kongreso, Genève |
| Aŭgusto 13—16: | Katolika X-a Kongreso, Paris. |

## Programo de la XIIa Kataluna Esperantista Kongreso

**21 — 24 majo 1925 en Palma de Mallorca.**

1a tago: akcepto, vizito al la estraro, meso, kunsido;
2a tago: kunsido, floraj ludoj, festeno, koncerto;
3a tago: vizito al urbaj vidindaĵoj, eksterurba ekskurso;
4a tago: ekskurso al Kavoj de Manacov ktp.

---

## Granda propagando inter germanlingva katolikaro.

La grupo de Ika (Internacio Katolika, Centra oficejo en Zug, Svislando) en Essen depost januaro 1925 eldonas monatan propagandan revuon „Ika-Stimmen“ por efike propagandi la Esperanto-ideon en la tuta germanlingva teritorio. La revuo, kiu jam post tri monatoj aperas en 5000 ekzempleroj, estas plej taŭga propagandilo por ĝin disdoni en kunvenoj de katolikaj asocioj, antaŭ la pordoj de preĝejoj, en katolikaj lernejoj, seminarioj, institutoj ktp. Oni mendu por Germanio ĉe kaplano Blum, Essen-West, Sälzerstrasse 84, por Aŭstrio ĉe la Katolika Mondo, Wien I, Schwertgasse 3, por Svislando ĉe Ika, Zug.

---

## Dana jarkunveno en Odense.

Laŭ decido de Centra Dana Esperantista Ligo la dana jarkunveno okazos dum Pentekosto (31 majo — 1 junio), kaj ĝojus ni, se multaj eksterlandanoj partoprenos. La programo, ankoraŭ ne tute fiksita, enhavos ĥorkantadon de la unua dana Esperanto-junulara ĥoro, ekskurson al „La arbaro de la rabistoj“ ĉe Vissenbjerg, al Arόbjerg Bavnehόj (la plej alta punkto de la insulo, meze de la „fionaj Alpoj“) kaj al Brandekilde (naskiĝa vilaĝo de la mondfama dana lingvisto Rasmus Kristian Rask), cetere viziton en la naskiĝa domo kaj muzeo de la fabelverkisto Andersen. Fervoja vojaĝo daŭras de Hamburgo 9 horoj, de Kopenhago $4^1/_2$ horoj. Pri aliaj informoj oni sin turnu al S-ro Alfred Christensen, Kastanievej 32, Odense, Danujo.

*

PROGRAMO:

La 31 majo:

Je la $8^1/_2$-a: Malferma kunsido en Parkhotel (apud la stacidomo). Ĥorkantado de Esperanto-ĥoro de Junulara Rondo. Bonvenparolado.

Je la 9-a: Ĝeneralkunveno de C. D. E. L.

Je la $12^1/_2$-a: Ekskurso aŭtomobila al la naskiĝa vilaĝo de Rasmus Kr. Rask, Brændekilde. Paroladeto de la prezidanto de C. D. E. L., S-ro M. Blicher, ĉe la memorŝtono de la lingvisto. — La plej alta punkto de la insulo Frobjerg Bavnehoj meze de la „Fionaj Alpoj“. — Tra la montetoj ĉe Orsted—Bred al Vissenbjerg Kro kaj la mita „Arbaro de la Rabistoj“. Komuna kafotablo).

Je la $6^1/_2$-a: Festmanĝado.

Je la 9-a: Amuza kunesto. Parolado de S-ro N. C. Carlsen pri Ĝenevo.

La 1 junio:

Je la $8^1/_2$-a: Laborkunsido de C. D. E. L.

Je la 1-a: Vizito de la muzeo de H. C. Andersen. Poste promenado tra la urbo aŭ tramekskurso al la antaŭurbo Fruens Boge. Promenado al la malnova monaĥejo de Dalum, kaj laŭlonge de „Odense Aa“ al „Fruens Boge—Hunderup Skov“ kaj la vilaaro de la kvartalo „Hunderup“.

Je la 8-a: Amuza kunesto kun adiaŭ glaso en Parkhotel.

La kongreskarto valoras por ĉeesto de la laborkunsidoj, senpaga vizito de muzeo de Andersen kaj adiaŭa glaso. Cetere ĉiu posedanto de kongreskarto ricevos senpage la kongresan numeron de nia folieto „La Laboro“.

Samtempe Junulara Rondo de Odense invitos al kongreso por dana esperantista junularo.

---

## Esperanto en la servo de ĵurnalistiko.

Nia samideano finnlanda, magistro Vilho Setälä, funkcias de la komenco de 1924 kiel ĉefredaktoro de ilustrata dusemajna gazeto popolara, nomata „Otavainen“, eldonata en finna lingvo en Helsinki. Jam de la komenco la redaktoro havis la ideon uzi la helpon de la diverslandaj esperantistoj por eldono de specialaj numeroj pri diversaj landoj kaj nacioj. La unuaj intertraktoj okazis kun la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, kun ĝia sekretario S-ro O. Ginz. El ĉi tiuj rezultis, ke speciala ĉeĥoslovaka numero de „Otavainen“ laŭplane devis aperi en marto de ĉi tiu jaro. Neatenditaj malhelpetoj intervenis, tiel ke la numero fine povos aperi nur la 22 aprilo. La tuta materialo — artikoloj, tradukoj de noveloj, ilustraĵoj, bildo por trikolore presita kovrilo — estas havigita de niaj ĉeĥoslovakaj samideanoj por ilustri al finnlandanoj ilian patrolandon kaj ĝian popolon.

Intertempe la sorto donis al la redakcio eblecojn eldoni polan numeron, kiu aperis la 11 marto, simile per helpo de pola esperantisto, S-ro Szczesny-Weinstein, nuntempe loĝanta en Finnlando. La numero estas efektiva sukceso por esperantisma ĵurnalistiko.

La interesatoj povas ricevi ekzemplerojn de tiuj specialnumeroj po 3 Fmk. (0,40 sv. fr.) ĉe la redakcio de „Otavainen“, Uudenmaankatu 10, Helsinki, Finnlando.

---

## Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj

sciigas, ke ĝi nun estas restarigata per klopodoj de la nova komitato. Adreso: K. Bujakowski, Gabitzstrasse 166, Breslau 18, Germanio.

## Konferenco de Edukaj Asocioj.

La dua konferenco de la Federacio de Edukaj Asocioj okazos en Edinburgh (Skotlando) fine de julio 1925. La organiza komitato invitis interalie reprezentantojn de la Edinburga Esperanto-Societo, kiu por tio elektis gesinjorojn Baird, Hunter kaj Page. Adreso de la Komitato: G. C. Pringle, 47 Moray Place, Edinburgh.

---

## Unua laborista olimpiado en Frankfurt sur Main, 24—28 julio 1925.

Esperanta fako de la olimpiado petas ĉiujn esperantistajn olimpianojn, kiuj volas veni Frankfurton, ke ili bonvolu tuj sendi al suba adreso sian aliĝilon. Dum la olimpiado nia lingvo estos oficiale akceptita, laŭ decido de la „Internacia Unio de fizika eduko“. Detalojn en Esperanto volonte sendas: Geschäftsstelle der Olympia, Allerheiligenstrasse 51, Frankfurt a. M.

---

## Printempa foiro en Frankfurt a. M.

**17 — 22 aprilo 1925.**

Esperanto-fako de la Frankfurta foir-oficejo ree dissendis cirkulerojn en nia lingvo pri la foiro mondekonata, en kiu estas reprezentitaj 30 branĉoj de la germana industrio. La Esperantofakon nun gvidas S-ro O. Schutkowski.

# KRONIKO.

La kroniko pri la movado okupis ĝis nun relative grandan spacon en nia gazeto. Krom la ĝenerala kroniko ankaŭ la anguloj „Radio“, „Esperanto en lernejo“, „Esperantista vivo“ k. a. postulis por si lokon. Entute, por la literaturo, scienco, tekniko, restis meznombre nur 17 % da spaco. Tial oni prave jam riproĉetis al la redakcio, ke nia gazeto fariĝas iom seka kaj ne alloga por la larĝa legantaro. Por plibonigi la aferon, ni faras en ĉi-tiu numero provon mallongigi la kronikon je la profito de la aliaj, pli legindaj fakoj. Niaj legantoj bonvolu skribi al ni pri tiu afero, sciigi nin pri siaj opinioj kaj deziroj.

Ni ankaŭ ĝentile petas kursgvidantojn, grupestrojn, propagandistojn, ke ili bonvolu sciigi nin pri la *finoj* kaj realaj rezultaĵoj de iliaj klopodoj — prefere ol pri la *komencoj*. Ekzemple informo tia kiel jena: „En N. finiĝis kurso gvidita de N. N. kun 10 lernintoj“ pli valoras por la kroniko ol la jena: „En M. komenciĝis kurso gvidita de M. M.; enskribiĝis 100 personoj; entuziasmo estas grandega; la urbestraro intencas subvencii nian movadon per 1000 fr.“

La legantojn de nia gazeto ni jam ne bezonas varbi por Esperanto, nek entuziasmigi per informado pri la granda nombro de lernontoj. Tial ni ekhavis ideon, ke la malvasta spaco de nia gazeto estu okupata prefere de la utilaj kaj legindaj artikoloj: el literaturo, arto, scienco, tekniko, socia vivo ktp. Estonte, ni preparos ĉiutrimonate koncizan statistikon pri la kursoj, grupoj, paroladoj, artikoloj . . . kaj tiam estos eble tute forigi la ĝisnunan kronikon.

☆

## Argentino.

Radio-revuo en *Buenos-Aires* entenas ĉiunumere sciigojn pri Esperanto. En sama urbo aperis intereso pri nia afero, inter la urbkonsilantoj.

## Aŭstrio.

*Wien.* En ĉeĥa liceo, komerca- kaj metia lernejoj estas 3 kursoj kun 90 p.; en Kristana Klerigejo kursojn gvidas G. Weber, en instituto Urania — O. Simon. Ĉe Lib. Esp. Laborkomuno estas 2 kursoj. Esp. Organizo de Oficistoj gvidas 14 kursojn. J. Ŝamanek, direktoro, gvidas kurson por instruistoj kiel ankaŭ W. Smital. Responde al invita cirkulero de la lerneja direkcio anoncis sin 3000 personoj dezirantaj lerni nian lingvon. 3 ĵurnaloj regule enhavas Esp.-rubrikon.

*St. Pölten.* Biblioteko de la Laborista Unuiĝo malfermis Esp.-fakon. Kurso por policistoj gvidas Hartmann.

## Belgio.

Kursoj en *Sand, Malines, Bruges, Antwerpen*.

## Brazilio.

*Rio de Janeiro.* D-ro de Faria sukcesigis ĉe la Medicina Fakultato la tezon, kies resumo estas en Esperanto.

*Porto Allegre.* Kurso gvid. de generalo Domingues.

*Correio do Povo.* 4 ĵurnaloj presis artikolojn pri Esperanto

*S. Paulo.* Nova grupo.

## Britlando.

*London.* Kurso ĉe Peckham Literary Institute; dufoje en monato Diservo en Esperanto en preĝejo St. George. Parolado de J. Flower en Coterie-Klubo por 40 p. La Dimanĉa Rondo kunvenigas vegetaranojn.

*Hull.* Nova grupo fondita.

*Liverpool.* Universitata kurso de P-ro Collinson.

## Bulgario.

*Batak.* Kurso por vilaĝanoj gvid. de P. Toŝkov.

*Sofia.* Estas fondita nova Esp.-gazeto „Libero“, ilustrita, pli ampleksa ol la „Bulgara Esperantisto“.

*Varna.* 4 kursoj. — *Ruse.* Nova grupo.

## Ĉeĥoslovakio.

*Brno.* Ĝenerala kunveno de Esp.-Sekcio de Centra Soc. de Ĉeĥ. Profesoroj, sub prezido de R. Fridrich.

*Budějovice.* Jara kunveno de la Esp.-klubo kun 60 ĉeestantoj. *Holešov:* kurso. *Náchod:* nova kurso 50 p. *Neředín:* nova kurso 20 p. *Olomouc:* nova kurso 20 p. *Příbram:* nova kurso 40 p. *Vyškov:* nova kurso 30 p. *Ustí:* nova kurso 50 p. *Reichenberg:* nova klubo ĉe YMCA.

Germana Ligo en Ĉeĥoslovakio sciigas pri kursoj en: *Arnau, Aussig, Freiwaldau, Gablonz, Karbitz, Kratzau, Pilsen, Reichenberg, Trautenau.*

## Ĉinlando.

*Pekin.* La du Esp.-societoj kunfandiĝis por formi la novan „Pekina Esp.-Societo“, en kiu laboros ĉinoj, rusoj, japanoj. Kurso por 10 personoj gvidas Sinsao Ĉen. Ĉe la Pekina Esp.-kolegio kurso por studentoj.

## Danlando.

*Köbenhaven.* Esp.-Asocio Junula fondita.

## Finnlando.

*Kuopio.* Societo fondita; 2 kursoj.

## Franclando.

*Paris.* Protekta Komitato de la Franca Societo po Propagando de Esperanto enhavas 3 ministrojn, 9 senatorojn, 22 deputitojn, 4 akademianojn, k. c.

*Perigueux.* Kurso ĉe la Komerca Ĉambro.

*Rosny-sous-Bois.* La Esp.-grupo ricevis helpmonon de la urbestraro.

*St. Omer.* Kurso ĉe la Geografia Societo, post raporto de P-ro Deligny. — *Perpignan:* kurso ĉe lernejo.

## Germanio.

*Auerbach.* Ekzamenoj por Esp.-instruistoj.

*Berlin.* La granda ĵurnalo „Berliner Tageblatt“ helpas la instruon de Esperanto al komercistoj.

*Breslau.* Esp.-prezentado kaj kostumfesto por 140 personoj.

*Erfurt.* Kurso 50 personoj.

*Essen.* Gazeto „Ika-Stimmen“ 5000 ekzemplerojn vastigas Esperanton inter germanaj katolikoj.

*Euskirchen.* Grupo 54 m. Profesia lernejo akceptas Esp.

*Frankfurt.* 9 kursoj funkcias.

*Fürth.* Kurso por 20 personoj.

*Hamburg.* Esp. akceptota en Komerca Instituto de Büsch.

*Heidenau.* Esperanto instruota en popollernejoj post Paske.

*Ingolstadt.* Esperanto-ekzamenoj ĉi tie okazos 9. VI.

*Koblenz.* Filatelia Esp.-klubo fondita; nova kurso 20 pers.

*Köln.* Koncerto de Esperanto-kantoj antaŭ 200 personoj.

*Kaiserslautern.* 2 kursoj 23 p.

*Krefeld.* Laborista kurso 28 p.

*Bad Kreuznach.* 2 kursoj 38 p.

*Leipzig.* 5 kursoj funkcias.

*Magdeburg.* 2 novaj kursoj.

*Mannheim.* Nova kurso.

*München-Gladbach.* Nova kurso post parol. de K. Giessmann.
*Nossen.* Nova kurso 18 p. post parolado de Ŝroeder.
*Rheydt.* Nova kurso 11 p. post parol. de P. Brendgens UEA.
*Sonnenberg.* Kurso ĉe popola universitato.
*Schierstein.* Kurso 30 p. ĉe la Popoluniversitato.
*Stuttgart.* Radio-kurso gvid. D-ro A. Vogt.
*Vechta.* Licea kurso 17 p. de profesoro Köster.
*Weiden.* Nova kurso.
*Wiesbaden.* 4 kursoj.

## Hispanio.

*Bilbao.* Vaska Esperanto-Federacio fondita.
*Barcelona.* Kurso ĉe radio-klubo.
*Madrid.* La Revuo de la Gvardio enpresas Esp.-kurson.

## Hungario.

*Bekescsaba.* Nova grupo (20 membroj.)
*Budapest.* Profesora Esp.-grupo fondita.
*Gyongyos.* Nova grupo.

## Italio.

*Bari.* 6 kursoj funkcias.
*Brescia.* Komerca Ĉambro dissendas propagandilojn pri E.
*Milano.* Kursoj ĉe la urbestrejo.
*Sagrado.* Nova kurso.
*Udine.* Kurso ĉe la Teknika Instituto.
*Verona.* Nova kurso post parolado de C. Vaona.

## Japanlando.

**Peticio pri enketo koncerne Esperanton akceptita en Japana Parlamento.**

En la XII. Japana Esperanto-Kongreso en Sendaj en lasta aŭgusto oni decidis prezenti petskribon al la Parlamento (Gikaj'), por ke la registaro faru enketon pri enkonduko de Esperanto en element- kaj mezlernejoj, kaj dank' al klopodoj de la komitatanoj S-roj M. Ga, Yoshi Ishiguro, Ĵ. Kaŭahara, H. Kuraĉi, K. Osaka, J. Ŝibata kaj Z. Tojokaŭa, kaj sindoneme fervoraj samideanoj, kolektiĝis pli ol 7000 subskriboj el diversaj lokoj. (El Koreo pli ol 400 koreanoj petskribis.)

La petskribo estis prezentita de D-ro Saŭajanagi, prezidanto de Imperia Edukista Asocio, kaj S-ro Takahaŝi al la Supra Domo, kaj de S-roj Y. Ozaki, T. Sugiura, R. Nagai, S. Nakano al la Malsupra Domo. S-ro T. Sugiura, nia samideano, parolis pri Esperanto dum ĉirkaŭ 40 minutoj en la Malsupra Domo la 8 februaro, kiam li prezentis la skribon kiel la reprezentanto, kaj unuanime ĝi estis akceptita.

## Jugoslavio.

*Mostar* 2 kursoj funkcias.
*Zagreb.* 4 kursoj funkcias. Biblioteko esp. kun 600 vol. ĉiumerkrede vizitata. Parolado esp. de P. Stojan antaŭ 100 p. Granda magazeno de Kastner & Kio uzas nian lingvon. Aperis nova kroata Esp.-vortaro de Maruzzi kaj Rotkviĉ.
*Subotica.* Porblindula kurso.

## Litovio.

*Birzai.* Rondeto da liceanoj funkcias.
*Kaunas.* Loka societo reorganizita, prez. prof. Ben Ŝaħar.
*Klaipeda.* Nova Kurso.

## Nederlando.

*Hago.* Novaj kursoj ĉe Radio-Societo.

## Pollando.

*Warszawa* Nova kurso por studentoj; esp. legejo malfermita. 400 policanoj sin anoncis por Esp.-Kurso.
*Lwow.* Komerca Ĉambro disponigis ejon por Soc.-Esp. 3 kursoj por laboristoj.
*Czestochowa.* Kursoj por 100 personoj.
*Krolewska Huta.* Kursoj post parolado de deputito Pankratz.
*Krakow.* Kurso ĉe Industria Muzeo; Asocio de Liceanoj Esp. fondita.
*Lublin.* Kurso por poŝtistoj.

## Oceanio.

*Wellington.* Novzelanda ĉefa juĝisto, kavaliro Robert Stout, kiu ĵus festis sian okdekjaraĝon, subtenas Esperanton.

## Rumanio.

*Bukurešti.* Loka grandindustriisto H. Fischer intencas eldoni ilustritan vortaron de Esperanto laŭ modelo de Larousse.
*Focšani.* Nova grupo.

## Ruslando.

*Kiev.* Novaj kursoj. Zamenhofa vespero 500 p.
*Kremenĉug.* Du kursoj 80 p.
*Moskva* Radio-kurso vendreda.
*Petrograd.* 3 novaj kursoj.

## Siberio.

*Irkutsk.* Nova kurso 30 p.

## Svedlando.

*Darlekarlio.* Novaj Studrondoj.
*Falun.* 4 kursoj kun 36 personoj.

## Urugvajo.

*Montevideo.* Tri kursoj 30 p. Nova monata folieto en Esp.
*Carmelo.* Nova grupo kaj kurso.

Prezidanto de Urugvaja Esperanta Societo, S-ro Morador Smith, faris propagandon en la urboj *Rocha* kaj *San Carlos*. En Rocha li fondis lokan grupon, pri kiu favore raportis loka gazetaro. En San Carlos nun organiziĝas dua grupo.

Granda urugvaja firmo Miguelito presigis kaj senpage disdonis multajn milojn da propagandaj folioj pri nia lingvo. S-ro M. Fernandez gvidas kurson en Museo Pedagogico. Aperis esperanta traduko de la konata dramo de Calderon: La Urbestro de Zalamea. La tradukon faris S-ro Enrique Legrand.

---

**La nuna numero enhavas kvar aldonojn:**
**„Kongresa Bulteno“, N-ro 5**
**„Bulteno de la Internacia Labora Oficejo“, N-ro 1**
**„Anonca Bulteno“, N-ro 4**
**Aliĝilo**
**de Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj.**

---




**Ni petas la samideanaron nepre informi nin pri ĉiu Esperanto-aranĝo en radio-sfero. Oni disvastigu niajn notojn en la gazetaro.**

☆

*Ĥarbin — Mukden — Pekin — Shanghai.*

La 7 februaro oni faris sukcesplenajn provojn pri radiodisaŭdigo inter la supre nomitaj orientlandaj urboj.

Kiel oni informis nin el Pekin, la tieaj samideanoj tuj entreprenis la necesan por utiligi la disaŭdigojn por la propagando de Esperanto.

*Königswusterhausen.*

La ĉefsenda stacio Königswusterhausen disaŭdigas nun sur ondo 1500 (antaŭe 2900). La esperantaj disaŭdigoj okazas regule ĉiun dimanĉon inter 12—12,30 h. (MET).

*Melbourne* (Aŭstralio).

Ankaŭ en tiu ĉi kontinento Esperanto estas disvastigata per radio. La stacio 3 LO ĉiun duan semajnon dissendas en Esperanto. De la stacio 3 AR ĉiun lastan lundon de l' monato disaŭdiĝas parolado, kantoj ktp.

*Moskva* (Ruslando).

Ĉiun vendredon oni daŭrigas kurson de Esperanto de tiu potenca stacio MGSPS komencitan la 7 februaro sub gvidado de S-ro Javorenkov.

*Roma.*

La 30 marto komenciĝis kurso de Esperanto de la stacio URI, kiu daŭras ĉiun lundon je 20,15 h. (ondolongeco 425 m). Gvidanto S-ro Elio Migliorini. Post fino de l' kurso oni disaŭdigos en Esperanto informojn pri Italio.

*

**Radio-Genève**

mendis plej perfektigitan mikrofonon, kiu bedaŭrinde ne estos liverata ĝis komenco de majo. Tio prokrastos la inaŭguron de la plibonigita Ĝeneva stacio ĝis mezo aŭ fino de majo. Ondolongecon kaj programon oni siatempe ankoraŭ sciigos. Intertempe la komitato instaligas la muzikejon en aparta salono de Hotelo Metropole, Genève.

**Radio-gazetoj favoraj al Esperanto.**

Amatora „Radio Revista" en Buenos-Aires, calle Lavelle 1268, Argentino, enhavas en ĉiu numero kurson de Esperanto kaj ofte interesajn artikolojn pri Esperanto.

„Süddeutscher Rundfunk", München, enhavas kurson de Esperanto.

Artikolojn pri Esperanto ni trovis en „Radio-Herald", Paris, 25 februaro, kaj „TSF-Revue", Paris. En „Radiofonia", Roma, kaj „Radio-Belge", Bruxelles, ni trovis disput-artikolojn pri Esperanto kaj Ido. „Radio-Ljugitel" („Radio-Amatoro"), dusemajna popolara organo de Moskva gubernia profesia soveto en Moskva, enhavas regule kronikon pri sovetlanda radio-movado en Esperanto.

## RADIO-LITERATURO

Ni ĉie tie priparolos volonte verkojn en Esperanto kaj aliaj lingvoj, kiuj havas iel rilaton kun niaj interesoj en tiu sfero. Interesatoj bonvolu sendi al ni 2 ekzemplerojn de ĉiu eldono.

*

*Fünfsprachenwörterbuch für Radio-Amateure, Hanns Günther. — La fakesprimoj de la radiotekniko en germana, angla, franca, itala kaj hispana lingvoj.* 1—5 miloj. Franckh'sche Verlagsbuchhandlung, Stuttgart. 320 paĝoj, 14 × 20 cm, duontole bindita. Prezo 6 ormarkoj.

Prezentiĝas al ni en la serio „Radio por ĉiuj" belege aranĝita, tre taŭga vortaro de fakesprimoj en kvin lingvoj. La kompilinto Hanns Günther (W. de Haas) estas fame konata aŭtoro de radio- kaj teknikaj verkoj en germana lingvo. Tio anticipe garantias bonan laboron. Por esperantisto ĝi estas precipe interesa pro tio, ke li vidos, trafoliumante ĝin, kiom konkordas la esperantaj esprimoj kun la fakvortoj en la ĉefaj lingvoj. Granda parto per si mem jam estas esperantaj terminoj.

Ĉiu leganto de eksterlandaj radio-gazetoj devus posedi tiun vortolibron por povi orientadi sin. Nepre necesa ĝi estas por la tradukisto de faktekstoj, ĉar la ĝeneralaj vortaroj ne enhavas tiujn fakesprimojn.

Al esperantistoj mi rekomendas ĝin speciale, ĉar la eldonejo iam esperantema, post forlaso de Ido denove subtenis Esperanton per vendo de Esperanto-libroj. *R. Kr.*

*Radiotechnisches Lexikon, Hanns Günther kaj Dipl.-Ing. A. Meyer. Radioteknika leksikono.* 1—10 miloj. Franckh'sche Verlagsbuchhandlung, Stuttgart. 188 paĝoj, 14 × 20 cm, duontole bindita. Prezo 4,80 ormarkoj.

Tiu libro sambele bindita kaj neriproĉeble aranĝita kiel la radio-vortaro ĉi supre menciita apartenas al la sama serio „Radio por ĉiuj". Dume la unua grandparte servas nur al lingva bezono, tiu dua estas valorega helpilo tiel por teknikistoj kiel por amatoroj. Laŭ sistemo de enciklopedio la libro enhavas tre detalajn klarigojn pri la signifo de radio-gazetaro kaj en la radio-industrio mem. Oni trovas proksimume 1500 indikojn, tre detalajn kaj precizajn de du aŭtoroj, kies nomo havas bonan reputacion.

Al ambaŭ verkoj mi povas deziri plej bonan sukceson.

Neniu Esperanto-radiisto hezitu aĉeti la unuan kaj la duan verkojn. *R. Kr.*

* * *

**Idista falsigo.**

Oni sendis al ni gazet-eltranĉaĵojn el Svislando kaj Germanio, laŭ kiuj la Radio-societo de Granda Britlando en sia kunsido de 5 februaro tre detale debatis pri la uzo de internacia helplingvo en radioservo kaj ke ĝi malakceptis tiuokaze Esperanton. Oni aldonis, ke la societo ne jam balotis pri Ido, sed faros tion baldaŭ, por kredigi, ke antaŭvideble Ido estos akceptata. Ni trovis la saman informon en „Ido", Zürich, kaj „Weltsprache", Frankfurt a. M. En kelkaj gazetoj oni eĉ aludis al Brita Brodkasta Kompanio.

Ni skribis al la diversaj institucioj en Anglio kaj povas konstati, ke la tuta informo estas plene falsa.

La faktoj estas jenaj: La Radio-societo de Granda Britlando tute ne havis ian kunvenon la 5 februaro. Sole la 29 novembron pasintjaran oni aŭdis du referatojn pri la problemo de la monda helplingvo, unu de S-ro Epton-London, alian de pledanto por angla lingvo. La Ĝenerala Komitato de la societo decidis ne subteni Esperanton en nuna momento. Neniam oni parolis pri Ido aŭ iel konsideris ĝin. La Brita Brodkasta Kompanio mem neniel rilatis al tiu afero.

**Varbu konstante por Esperanto en radio-rondo!**

## Granda sukceso!

# La Unua Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj adoptis Esperanton.

☆

Sur paĝo 2 ni enpresis informon nin lasthore atingintan. Estas lastminute ankoraŭ eble al ni aldoni la jenon:

De la 14—19 aprilo okazis en Paris la Unua Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj.

Sur ĝia tagordo ankaŭ troviĝis la demando pri internacia helplingvo por radio-sfero. Multaj radio-amatoroj de longe atendis la farotan decidon kaj ankaŭ por la Esperanto-movado ĝi estas tre grava.

Speciala komisiono de l' kongreso okupis sin pri la demando kaj kun 13 voĉoj kontraŭ 2 sindetenoj akceptis rezolucion favoran al Esperanto kaj voĉdonotan en la plenkunsido.

La plenkunsido de l' kongreso la 19 aprilo post longa diskutado unuanime malpli 1 voĉo por angla lingvo kaj 1 voĉo por Ido akceptis la jenan rezolucion:

La Unua Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj konstatante la malfacilaĵojn kaŭzitajn per la diverseco de lingvoj en la internaciaj rilatoj decidas rekomendi la studon kaj uzon de Esperanto kiel helplingvon de interkomunikadoj kaj de internaciaj radio-disaŭdigoj, samkiel resumojn aŭ tradukojn en la revuoj kaj kongresoj.

La sama rekomendo estas aplikata por la interkomunikadoj radiotelegrafaj, kiam la korespondantoj ne havas la eblecon interkomprenigi sin per iu nacia lingvo.

Sekve de tiu decido la kongreso adoptas Esperanton kiel sian internacian helplingvon apud la naciaj lingvoj uzataj.

Tia ĝojiga sukceso havas grandan signifon por la plua propagando de Esperanto en radio-rondoj kaj forigos la hezitemon de multaj interesitoj, ĉu elekti Esperanton, ĉu Idon.

Ni rekomendas al nia legantaro kiom plej eble multe diskonigi tiun decidon, nova mejlŝtono sur la vojo de l' senhalte antaŭenmarŝanta Esperanto-movado.

★

# Denova disaŭdigado en Esperanto de Paris.

☆

### Mardon la 12 majo je 20,15 (MET)

## D-ro Privat

### parolos de Radio-Paris (1750 m)

en Esperanto pri la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Genéve. Ĉiuj aŭskultantoj estas petataj informi nin pri la aŭdo-rezulto.

### Ĵaudon la 14 majo je 20,30 (MET)

### de PTT kaj Eiffel-Turo

la malfermo de la Teknikaj Konferencoj en la universitato de Sorbonne estos radio-disaŭdigata. Okazos paroladoj de S-roj Berthelot, Baudet kaj Corret en franca lingvo kaj de D-ro Privat en Esperanto; krome koncerto. Prezidos Charles Richet.

# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

Vic-Delegito *J. D. Applebaum* el Liverpool kore dankas al S-ro Poncet kaj S-ino Forges en Lyon, S-ro Marcello de Balzac, Torino, Impolitto Piatti, Milano, Gaetano Facchi, Brescia, Giuseppe Santin kaj F-ino Karolina Minio Venezia por servoj faritaj dum lasta vojaĝo en Francujo kaj Italujo kaj afableco en konduko kaj konsilo utila.

Dankon al la Gyöngyös'aj esperantistoj, ĉefe S-ro Kálmán Schwartz kaj profesoro F. Hugai por multdiversaj servoj.

*Kurt Klaps.*

S-ro *Lageste,* delegito de UEA en Dax, tre dankas S-ron Becker, del. en Mainz, pri farita grava servo.

S-ro *W. Duregger* en Trauenstein tre dankas S-ron N. Chavkin en Jerusalemo pro tre afabla grava servo.

S-ro *Rolf Rupčič,* del. de UEA en Split, kore dankas la tre afablajn gesamideanojn S-inon Adeline Adan kaj F-inon Jeanne Doutrelingue, ambaŭ en Gand, S-ron Hugh Noël Nowell en Northwich, S-ron Won Kenn en Lyon, S-ron Léon Courtinat en Clermont-Ferrand, S-ron Teo Jung en Horrem, S-ino Roman Sakowicz en Wilna kaj fratojn Fethke en Bydgoszcz por la neniam forgeseblaj amikaĵoj.

# Esperantista vivo.

**Edziĝoj.** — F-ino *Mira Simič* kun S-ro *Josip Akelič,* komitatano de Esp.-Klubo en Split.

— F-ino *Nini Bonario* kun S-ro *Jakov Zavoreo,* komitatano de Esp.-Klubo en Split.

— S-ino *Blaženka Vulakovič* kun D-ro *Dušan Maruzzi,* ĉefdelegito en Jugoslavio kaj prezidanto de Sudslava Esp.-Ligo en Zagreb.

— F-ino *Milica Lazič* kun S-ro *Ante Marinovič,* del. de UEA en Janjina [Dalm.]

— F-ino *Pavica Vlak* kun S-ro *Marin Krstulovič,* membro de Esp.-Klubo en Split.

— Nia malnova delegito S-ro *Petr. v. Toškov* en Batiak, Bulgario, la 8an de februaro k. j. edzinigis sian fiilinon, esperantistinon, F-ino *Marenka* je Fraŭlo *Slavĉo Kânev.*

**Translokiĝoj.** — *Petro Stojan,* dumviva membro de UEA, foriris el Kiŝinevo, kaj nun loĝas en Ĝenevo.

— *Nikolao Hohlov,* konata verkisto, foriris el Zagrebo al Pollando.

— *Andreo Ĉe,* pastro, nun eniris Germanion, kie li sukcese daŭrigas sian apostolan vojaĝon.

— *Nikola Lisac,* poŝtestro, nun loĝas en Uvac-Bosnia.

!

## Ĉu

*vi repagis vian kotizon kaj abonon!*
*Se jes,*
*dormu trankvile, se ne . . . . . . . . . .*

!




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 4, 10, 35; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr. 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 75, 150, 700; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12.50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 90; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35, **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 125; **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 2; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝĉeko: I. 2310. — Poŝĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439 — Poŝĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Ŝanĝo de prezoj.** — Sekve de kurzŝanĝo ni devis modifi kelkajn naciajn prezojn por jenaj landoj:

| Landoj: | | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio . . . . | Ŝil. | 4 | 10 | 35 |
| Bulgario . . . . | Lev. | Kiel antaŭe | — | 750 |
| Franclando . . . | Fr. | Kiel antaŭe | — | 90 |
| Italio . . . . | Lir. | Kiel antaŭe | — | 125 |
| Japan . . . . . | Jen. | 2,50 | 6,25 | 12,50 |
| Jugoslavio . . . | Din. | Kiel antaŭe | — | 300 |
| Rumanio . . . . | Lej | Kiel antaŭe | — | 1000 |

**Nova premio al Subtenanto.** — Por akceli la varbadon de pliaj subtenantoj la Centra Oficejo aranĝis novan premion konsistantan el kolekto da gazetoj esperantistaj taŭgaj por ekspozicio. Ĉiu kolekto enhavas ĉirkaŭ kvardek specimenojn de malsamaj gazetoj esperantistaj, plie gvidlibretojn, gvidfoliojn ktp., pezanta kune 2 kg. Estas okazo por grupoj, propagandistoj kaj kolektantoj sin provizi je valora materialo. La nombro de la pakaĵoj estas limigita kaj rekomendiĝas rapida mendo per aliĝo.

**Repago de la kotizo.** — Ĝis fino de marto repagis la kotizon aŭ aliĝis nove entute *sesmil* personoj; ne ankoraŭ repagis ĝin proksimume 3000. Al tiuj nerepagintoj ni dissendas dum tiu ĉi monato avertilon. En landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas per la poŝto.

**Novaj teritorioj.** — La komisiono de UEA bonvolis aprobi la starigon de du novaj teritorioj kaj la elekton de jenaj ĉefdelegitoj:

*Saksio:* Amplekso: Tuta lando Freistaat Sachsen.
Ĉefdelegito: S-ro Johannes Karsch, Weixdorf-Lausa, Dresdener Str. 60. — Anstataŭanto: S-ro Bernhard Kötz, Eilenburger Str. 49, Leipzig.

*Ruhrteritorio:* Amplekso: La teritorio limas nordoriente ĉe loko Recklinghausen, nordokcidente ĉe Walsum, sudokcidente ĝis Hackingen, sudoriente ĝis Wetter.
Ĉefdelegito: S-ro Otto Sandrock en Essen, 47 Kahrstr.
Centro: Essen.

**Jarlibro 1925.** — Ni memorigas al niaj membroj, ke la jarlibro 1925 estas ricevebla ankaŭ bindite. Kiu sin interesas bonvolu tion anonci kaj sendi la plikoston de 2 svisaj frankoj en naciaj biletoj aŭ poŝtmandate.

Laŭ ricevita sciigo el la presejo la presado okazos dum majo, tiel, ke fine de la sama monato la jarlibro eliros.

**Ŝanĝoj.**

*Hamburg* (Germanio) — D: S-ro A. B. C. Senff, komercisto, Alsterdamm 17

VD: S-ro Fritz Ehlers, komercisto, Süderstr. 146/35

*Hoek van Holland* (Nederlando, Zuid-Holland) — D: S-ro Hendrik Verschoof, ĉefkonduktoro de nederlandaj fervojoj, Prins-Hendrikstraat 225

*Jägerndorf* (Ĉeĥoslovakio, Silezio) — D: S-ino Elise Schwartz, kuracista edzino, Herrengasse 17

VD: S-ro Max Aurich, inĝeniero, Olbersdorferstr. 109

*Katowice* (Pollando, Silezio) — D: S-ro Jan Tichawski, fervoja oficisto, Ks. ul. Plebiscytowa 25, III

*Kukan 293* apud Gablonz (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Ferdinand Krems, bankoficisto

*Mercurea-Ciuc* (Rumanio) — D: S-ro Johano Gábor, asesoro ĉe la departementa urboficejo, Sedria Orfanala jud.

*Miskolz* (Hungario) — D: S-ro Lajos König, profesoro, Kolozsvari utca 8

VD: S-ro Imre Héber, librista komizo, Tetemvár 73

*Montfort le Rotrou* (Franclando, Sarthe) — D: S-ro René Chapron, advokato ĉe la Tribunalo de Le Mans

*Nagoya* (Nippon-Japanio) — D: S-ro Raitaroo Munemura, ĉefsekretario de Nagoya Kuracista Asocio, P. O. Box 3

VD: S-ro Tojozoo Saigoo, oficisto de Mijuki-keorikaiska, Horizumeĉo I-6, Nagoja Niŝiku

*Novi-Sad* (Jugoslavio, Vojvodina) — D: S-ro Marko Nešič, komponisto, Despota Jovana ul. 13

VD: S-ro Konstantin Todorovič, juristo, Nikolajevska ul. 4

*Osaka* (Japanio) — D: S-ro Risuke Tsuji, 1129 Tamadecho, Nishinarigun

*Pardubice* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ino Máři Spilková, poŝtoficistino, Sladkovského 414

VD: S-ro Robert Bloch, kalkuloficisto, Ředitelství pošt

*Pécs* (Hungario, Baranya) — D: D-ro Ignác Balla, advokato, Kiraly str. 14

*Přerov* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: S-ro František Pittner, profesoro, Horní náměstí 31

✶

Genève, 10 Aprilo 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

**Solvoj:** 75 = Du-kato. — 76 = Eta-ĝo. — 77 = Ma-ra-to-no.

78.



CIRKLON

79. **Geometria ludo.**

Aliformigu rombon, kies obtuza (malakuta) angulo ampleksas 120⁰, en ekvivalantan regulan seslateron.

80. **Pulvopafilo.**

I = Ofte dirata al person' amata. | II = Solena bondeziro. | I + 2 = Pulvopafilo.

81. **Frata paro.**

Du fratoj jen: el ili se unue | la plej malgranda venas | la frata par' valoras du trionojn | el tio, kion ĝi valoras, se | unue venas la plej granda frato.

82. **Barbara barbiro.**

Barbhava, milda besta Moŝto iris | ĉe la barbiro por | sin senbarbigi, sed ve, je mirego | sed de la ĉeestantoj je teruro, | la retoriko-diletanta isto | anstataŭ tranĉi for parton de l' kapo | la tutan kapon *sinedoke* tranĉis. | Sed la fiago ne perea estis, | ĉar la viktimo, kiam | sin vidis sen la kapo, | kuraĝon perdis ne, nek perdis tempon: | li faris venĝon, tuj aliiĝante | en malmildegan sovaĝ-dentegulon. | La vangoj de la fiekzekutisto | ĉe la terura paro da dentegoj | ĉe la rigardoj fajraj | ĉe la kriegoj akraj, | fariĝis de l' koloro de la neĝo; | el lia man' tremanta | forfalis la razil', kaj li forsaltis | el la butik', kurante, kuregante, | kaj kredas mi ke li | ankoraŭ kuregadas! | Ĉu volas vi, leganto, diri kiuj | la du ĵus aluditaj uloj estis?

## ALUMETLUDOJ.

83. **Ventumilo ne plu!**

**— Sudemisfera enigmo. —**

Somero pasis kaj | malvarma estas tiu ĉi aŭtuno. | El jena ventumilo | materialon faru por varmigi.



84. **En kuirejo.**

El jena tripiedo ion faru | sur ĝi staranta ofte.



85. **Plenigota versajeto.**

*La **mp*.*

(Trad. el Aleardo, Aleardi).

***int' fant*** ****s! ** malf*****n | profilojn fo***adas | forges' el ĝi. Es***to | aiio ***** ne, kr** al ****nto | rap****a tr****aso.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 138.**

*J. Paluzíe*, Barcelona.

(La Stratégie 1901).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 139.**

*J. Sova,* Nová Ves.

(Nár Politika 1925).



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 140.**

*Fr. Hájek*, Praha.

[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 141.**

*R. Svoboda*, Praha.

[Originalo].



Sinmato per la 2-a movo.

Laste prezentita n-ro 134 ekzempligas la ideon: *ŝanĝitaj matoj.* Estas speco da problemoj en kiuj oni ne ricevas tiun maton, kiun oni vidas sed maton alian. N-ro 138 montras ne plene la saman ideon. Oni volus ricevi post Kd4+ la maton D×d4, aŭ post d7—d5, Db8 mato, sed ĉi matoj ne ekzistas, ilia ŝajnigo plimalfaciligas nur la solvon. La malgrandaĵo 139, kvankam simpla, havas tamen sian spiriton, temas forigi la minacon, ke Nigro ne povu movi (*Pado?* Patt). En probl. 140 estas la nigra K forlogata, en n-ro 141 allogata ludi laŭ du direktoj.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 134: 1. De2—d1, d4—d3, 2. De1—h1m; d4×c3, 2. De1×e5m; e3 laŭvole, 2. Dd1—e2m; f5—f4, 2. Ĉh5—f6m; g4—g3, 2. f2—f3m.

N-ro 135: 1. Dd6—d3, c4 (e4)×d3+, 2. Ĉb4×d3m; e4—e3, 2. Dd3×e3m; Cf6—h5, 2. Dd3×e4m; laŭvole 2. De3—g3m.

N-ro 136: 1. Tb3—b4, Kc8×b7, 2. Ĉb6—c4+, Re5—d5, 3 Kc2—e4 m; 1.... Kg3×f4, 2. h7—h8D+, Th3×h8, 3. Ke3—d4m.

N-ro 137: 1. Ta8—b8, Ĉc6—b5, 2. Tb8×b6, Ka2—b1m; Ĉd6—c4(f7), 2. Dh7—g8, Ka2—b1m; Ĉd6—c8, 2. Th8×c8, Ka2—b1m; Ĉd6 alimove, 2. T aŭ D×Ĉ, Ka2—b1m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 128 A. Mužinić, Koprivnice (Jugosl.); 128, 129 Bahmen Shidani, Teheran (Pers.); 126 ĝis 129 M. Birmanas, Šakiai-Lukšiai (Lit.); A. Kraljević, Bjelovar (Jugosl.); J. Zylberštejn, Równe-Wolyn (Pol.); 127, 128, 129 H. Steding, Bremen (Germ.)

*Korespondo:*

S-ro Brotomidjojo, Klaten (Java). — Esperanta lernolibro ankoraŭ ne ekzistas. Holandan verkon vi certe ricevos. — S-ro A. Mužinić, Koprivnice. La sinmato postulas, ke Blanko komencu kaj devigu Nigron mati Blankon. — S-ro Zylberštejn, Równe. La interludo ne ebla pro mia multa okupiteco.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**Yves Blot,** filo de nia delegito S-ro Louis Blot en Angers, forpasis 16-jara post longa malsano, la 2-an de marto.

**Walter A. Gahle,** brevetita kolonelo, membro de Brita Esp. Asocio, mortis 20 decembro 1924. Li servis pli ol 36 jarojn en la brita armeo, el kiuj 21 jarojn en Hindio. De la 1907 li estis ano de BEA kaj multe verkis sub la plumnomo *Ŭoago;* al li apartenas libreto: „Konkordanco al Sentencoj de Salomono".

**Karl Hechenblaickner,** lerneja kateĥeto en Saalfelden, Aŭstrio, mortis 8 januaro. Li estis ano de UEA kaj fervora komitatano de la loka grupo „Unueco".

**May Hipsley,** dujara filineto de F. W. kaj Elfrida Hipsley, mortis la 28-an de februaro.

**Marie Kunert,** patrino de nia delegito S-ro J. Kunert en Troppau, forpasis la 6-an de decembro, en la aĝo de 65 jaroj.

**Ignjat Katalinić,** kortega konsilanto en Split, Dalmatio, mortis la 18-an de februaro. Li partoprenis la II-an Sudslavan Kongreson.

**Ŝuiĉi Koizumi,** studento de Waseda universitato, komitatano de Japana Esp.-Instituto, forpasis la 16-an de novembro 1924.

**Nikola Petkov,** instruisto de matematiko, patro de nia samideano S-ro Simeon Petkov, honora membro de Bulgara Esp.-Societo, mortis la 24-an de marto.

**Emil Rick,** iama prezidinto de la grupo Bad Ems, subite forpasis la 30-an de decembro 1924.

**Silvana Vianello,** filineto de niaj samideanoj Lisetta kaj Ivo Vianello, mortis la 26-an de januaro en Monteleono.

**Franz Kloibmüller,** militinvalido en Graz, mortis post doloriga malsano la 5-an de februaro.

**Karel Macan,** senvida pioniro de nia afero en Ĉeĥoslovakio, mortis en Praha. Li estis konata komponisto kaj kantverkinto. Dum dudek jaroj li fervore laboris por la Esp. blindula movado kaj li postlasis riĉan brajle-skribitan libraron en Esperanto.

**Drago Tanasić,** membro de UEA, sinmortigis en Brĉko, Jugoslavio.



## Helpu ŝpari

*sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la*

*CENTRA OFICEJO DE UEA.*

*La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.*

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Ĉeĥoslovaka instruistino-esperantistino,** bona edukantino, lerta kaj sperta mastrino, gaja kunulino, akceptus taŭgan oficon kie ajn, en familio, kancelario aŭ sanatoria kancelario ktp. Montara regiono preferata. Samideanoj estas petataj helpi. Salajro flanka afero. Sidonie Dlouhá, fervoja oficistino en Praha 15, Wils. nádr. Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj!** Sendu al mi 100 PM (ne kiel erare presita en februara numero poŝtkartojn) bonajn kaj indajn de via lando kaj vi ricevos 100 PM de Palestino, Sirio kaj aliaj arabaj landoj. K. Hellman, Rehoboth, Palestino.

**Grafikistoj ĉiulandaj kaj ĉiuj samideanoj!** De 31 majo ĝis 7 junio okazos en mia urbo ekspozicio de en- kaj eksterlanda gazetaro, aranĝata de la loka grafika societo. Oni komisiis min aranĝi la eksterlandan fakon. Por tiu celo mi bezonas ĉiulandajn gazetojn, precipe la titolpaĝojn. Mi turnas min do kun varma peto al vi pri helpo. Ĉiu el vi certe posedas kelkajn malnovajn aŭ novajn gazetojn, sendu ilin senprokraste al mi, por ke la ekspozicio estu kiel eble plej kompleta. Ĝi estos plej bona pruvo pri la utileco de Esperanto. Ĉiu sendinto ricevos de mi post la ekspozicio fotografaĵon, pli grandan kaj zorgan sendaĵon mi rekompencos krome per bela kaj malgranda albumo de nia urbo. Helpu! Sendu tuj! W. Miekicki, komitatano, Poznan, Polujo, str. Staszyca 25.

**Grava kaj valora ŝanĝo!** Mi posedas gravan kolekton de diversspecaj esperantaj libroj de la plej famaj esperantaj aŭtoroj, perloj de Esperanto-literaturo, kiu sumiĝas ĝis 150 dolaroj; mi volonte ĝin vendus aŭ akceptus interŝanĝe aliajn objektojn. Sendu proponojn al adreso; Ad. Oberrotman, Warszawa, Krak. Prudn. 10.

**Malkaraj radio-lampoj.** Eksporton prenas sur sin Henri Dubuisson, 18 rue Bellevue. Le Havre, S. I. (Franclando).

**Malnovaj numeroj de „Progreso" (Ido).** Mankas al ni la jenaj numeroj de la antaŭmilita kolekto de idista „Progreso": julio, aŭgusto, septembro 1909; januaro, aŭgusto 1912; februaro 1914. Ni petas posedantojn de disponeblaj ekzempleroj bonvole informi nin pri la kondiĉoj de vendado. Centra Oficejo de UEA.

**Prunto.** Malnova samideano serĉas prunton de 1500 dolaroj je rentoj moderaj por establo de pasamenta fabrikejo. Post unujara ekzistado komenciĝas amortizado. Bonvolu oferti sub „Kapabla" al Centra Oficejo de UEA.

**Radio-amatoroj atentu!** En Hradec Králové, Ĉeĥoslovakio, estis ĵus fondita „Orientbohema Radio-Klubo"; ĝi estas fondita de inĝenieroj, sed ankaŭ esperantistoj kompreneble staris ĉe la lulilo de la naskiĝinta klubo. La subskribinto estis elektita fakestro por propagando. Interrilatoj kun radio-kluboj de la tuta mondo estas serĉataj! Ĉiu serioza letero aŭ karto, alportanta utilan aŭ interesan fakan scigon, ĉiu presaĵo, bildoj de antenoj, aparatoj, elsendstacioj ktp. venanta el eksterlando montros al neesperantistaj anoj de la nova radio-klubo la eksterordinaran gravecon de nia lingvo por la radio-sfero. Kiu komprenas — agu! Otto Sklenčka, ĉefdelegito de UEA, Hradec Králové, Živnostenská banka.

**Sportistoj!** Dum proksimaj tagoj ni dissendos al ĉiuj de ni konataj esperantaj gazetoj la unuan numeron de „Sporta Mondo", sportista gazeto redaktata en kroat-serba kaj esperanta lingvoj. Ĉiuj sportistoj estas varme petataj indiki al ni esperantajn aŭ alilingvajn sportajn gazetojn kaj revuojn por interŝanĝo aŭ abono. Redakcio de „Sporta Mondo", S-ro Jankov, Split, Jugoslavio.

**Stenografio por esperantistoj** baldaŭ aperos de B. P. Roubos, Noordendijk 90, Dordrecht, Nederlando. Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Adresu bone! Skribu legeble!

**„Verda Standardo",** malnova numero el jaro 1914, aprila numero 4, serĉata! Proponojn faru al la delegito de UEA. Paul Balkányi, Hajos-u. 15, Budapest, Hung.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj.

#### Argentino.

**Bahía Blanca.** S-ro Angel di Santi, str. Rodríguez 121, PK bfl kĉl., escepte Germanio.

**Bahía Blanca.** S-ro Julián Pereda, str. Espana 180, PK bfl kĉl.

#### Britlando.

**Burnley (Lanc.)** S-ro W. B. Currie, UEA-delegito, 14 Faraday St., deziras, ke samideanoj el ĉiuj landoj sendu PM al lia dekunu-jara filo, kiu devas resti en la lito pro operacio. Certe respondos.

**Grimsby.** S-ro A. E. Battye, 122 Castle St., PI.

**Grimsby.** S-ro A. Wass, 35 Cooper Rd., PI.

**Grimsby.** S-ro G. Broughton, 2 Ludford St., PI, PM.

**Grimsby.** S-ro W. A. Murgatroyd, 15 Chapman St., PI kun Japanio, Ĉinio, Hindio, Palestino, Persio, Sirio, pri interesaĵoj, kemio aŭ arto.

## Ĉeĥoslovakio.

**Jičín.** S-ro M. Belina, reallernejo, PM kĉl.

**Písek.** S-ro Jan Sýkora, studento, Gymnasium, PM krom Aŭstrio.

**Písek.** S-ro Fr. Michálek, studento, Státní hřebčinec, ilustritaj esperantaj kaj nacilingvaj gazetoj pri sporto kaj arto, PI, verkoj de lamaj pentristoj kaj skulptistoj, fotoj kĉl.

**Písek.** S-ro Charles Chalupský, studento, Gymnasium, PI, PK, PM, verkoj de gloraj pentristoj kĉl.

**Písek.** S-ro Jan Huttar, gimnaziano, Nádražní 387, PK, PI, L, fotoj, moneroj, papermono, nacilingvaj ilustritaj gazetoj, cigaredoj kĉl.

**Praha VII.** F-ino Anna Pánková, Rudolfova tř. 30, PI.

**Praha VII.** F-ino Matylda Sommerová, Na Výšinách 20, PI.

**Přibyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Vencálek, delegito de UEA, PI bfl, escepte Germanio.

**Přibyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Hintnaus, dentisto, PM, angle, esperante.

## Estonio.

**Tallinn.** S-ro Johannes Kalamees, Eesti Pank, PK, PM.

**Tallinn.** S-ro Boris Barmin, Uustänav 10, korter 5, korespondi, PM kĉl., ĉiam respondas.

## Finlando.

**Koljola ĉe Viipuri.** F-ino Anna Saila, instruistino, L, PI kĉl.

## Franclando.

**Boulogne-sur-Seine** (Seine). F-ino Marianne Rigolet, 78 Avenue de la Reine, L, PI bfl kĉl.

**Longuyon** (Meurthe-et-Moselle). S-ro Rousselot, fervoja sekcisubestro, 43 rue de l'Hôtel-de-Ville, L, PK, PI bfl.

**Macon** (Saône-et-Loire). S-ro D-ro Armand, 5 rue Guichenon, PM kĉl.

**Paris XVIII e.** S-ino la Direktorino de la „Kurso Maintenon", 9 rue Coysevox, PI, PM kun seriozaj kolektantoj. Ne sendas unue.

**Paris XVIII e.** F-ino A. Stribick, 152 rue Lamarck, PI pri nacia kostumoj, PM kĉl., ne sendas unue.

**Saint Omer.** S-ro Dall'olmo Nazareno, 136 Boulevard Victor-Hugo, PI, L, PM kĉl.

**Suresnes** (Seine). S-ro J. Emy, 8 rue Verjus, PM kun ekstereŭropanoj kaj rusoj.

## Germanio.

**Bochum.** S-ro Ernst Weiss, Mayerstr. 18, PK, PI bfl kĉl.

**Gera** (Reuss). S-ro C. Ostermann, Blücherstr. 55, II, PK, PI, L pri vivkondiĉoj, kooperaj kolonioj, elmigrado kĉl.

**Gera** (Reuss). S-ro M. Pohl, Pestalozzistr. 7, PM, esperantajn gazetojn, precipe kun Azio kaj Sudameriko.

**Gera** (Reuss). S-ro R. Schneider, Körnerstr. 28, I, PM, havigas deziratajn objektojn, donas informojn laŭ ebleco kontraŭ respondkupono.

**Gera** (Reuss). S-ro F. Romroth, Viktoriastr. 49, I, desegnaĵojn kaj pentraĵojn kontraŭ japanaj desegnaĵoj kaj pentraĵoj.

**Gera** (Reuss). F-ino Hofmann, Bachgasse 22, IV, PI kĉl.

**Herne.** S-ro Willy Schröter, instruisto, UEA-delegito, Vinckestr. 25, PI kaj L kun socialistoj kĉl.

**Kempten** (Allgäu). S-ro Walther Schrank, PI, L, preferas ekstereŭropanojn.

**Neunkirchen** (Saar). S-ro Karl Koch, komercisto, Heizengasse 13, PM eŭropajn, PI kĉl., ĉiam respondos.

## Hispanio.

**Gijon** (Asturias). S-ro Emilio Pacheco Martinez, komerca profesoro, Covadonga 23, 2o, L kun geeksterlandanoj pri geografio, popolkutimoj kaj lernado de fremdaj lingvoj (precipe rusa).

## Hungario.

**Szombathely.** F-ino Margareto Czibok, Erzsébet kné u. 5, III, PI, L kĉl.

**Turkeve** (Csudaballa). S-ro L. Ihász, abs. fil. dipl. instruisto, diplomita vinberisto, L pri agrikulturaj, ampelologiaj, vinberkulturaj temoj, kolektas vinfeĉon, purajn feĉkoloniojn, PI, ĉiam respondas.

## Italio.

**Brescia.** S-ro Gaetano Facchi, Corso V. E. 64, del. de UEA, korespondas pri historio kaj literaturo, interŝanĝas esperantaĵojn.

**Brescia.** S-ro Geom. Lorenzo Gadola, Corso V. E. 23, PM kun kolektantoj el Finnlando, Estonio, Litovio, Latvio.

**Pisa.** Kursanoj de unua kurso de Esperanto deziras komenci korespondadon kun samideanoj alilandaj. Skribu „Kurso de Esperanto ĉe Popola Universitato", Pisa.

## Japanlando.

**Fukuoka** (Kotogakko, Kiuŝiu). S-ro Ŝigeo Macueda, PI, PM, L.

**Tokio.** S-ro Kojiro Janagi, 20-jara studento de Keio-Gijuku Universitato, Sankaku Kasai-mura Minamikazuŝika, kun gejunuloj L, belaj PI kĉl.

## Litovio.

**Lidabravas.** S-ro Z. Stasilionis, pošt. Šeduva, L, PI pri ekonomia vivo, precipe kun Argentino kaj Danlando.

**Mariampole.** S-ro A. Prapuolenis, instruisto, Mariampoles paštas, pareihalavimui, moneroj kaj PM kĉl. (nur ĉirkaŭ 5 pec., PM 20-30 pec. malsamaj).

**Žvirgždaielu vals.** S-ro Unguraitis, studento, Sak. Naumiestis past, PI, L, PM kun Franclando, Italio, Palestino, Egipto, en esperante, france, germane, itale, ruse, latine.

## Maroko.

**Sidi Rahal.** S-ro Joa Lipperto, Matr. 7671, Cie. Pion. 4 Regt. Etr., Bureau de renseignements, Travaux de Ponts, malriĉa legiano deziras donace fotografaparaton kaj kompence sendos laŭdezire bildojn. Ankaŭ akceptas mondonacojn.

## Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L, precipe kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj, por kiuj skribadi ne estas martireco.

## Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. A. Ziiver, P. O. B. 1055, PM, helpmono, malakceptas bagatelojn.

**Culemborg.** F-ino J. Streef, Ridderstraat 1, PM kĉl., ne bagatelojn, ne sendas unue.

**Venlo.** S-ro Pierre Fypers, Stalberg 132, PM laŭ Yvert kaj Michel kun progresintaj kolektantoj. Malakceptas bagatelojn.

## Persio.

**Sultanabad-Arak.** S-ro Vaghinak Sarkisjan, deziras korespondadi pri persa tapiškomerco.

## Pollando.

**Bialystok.** F-ino Stanislawa Knaup, bankoficistino, Palacowa 4, PI, PM, papermonon kĉl.

**Chorych.** S-ro Wojtuściszyn, Drohobycz Kasa, pri kasaleroj de malsanulaj helpinstitucioj (helpkasoj, asekuroj por laboristoj okaze de malsano ktp.).

**Kolomea.** S-ro Floryan Wesolowskyj, ukrainska-str. N-ro 1, PI bfl kĉl.

**Koluszki.** S-ro Stanislaw Sudelik, PI. Tuj respondas.

**Lublin.** S-ro Henriko Švarc, Foksalna N-ro 47, PI.

**Miloslaw.** S-ro Prabucki, poštestro, Poznań, serĉas franclingvanojn por franclingva korespondo perfektiga. Kompense instruas volonte francan lingvon aŭ germanan.

**Naklo-Noteč.** S-ro S. Janicki, profesoro, Dabrowskiegostrato 255 b, PI, L, PM kĉl., ĵurnalojn, librojn esperantajn kaj nacilingvajn ktp.

**Radom.** S-ro Stefan Kaluscha, inĝeniero, Lubelska str. 33, PM kĉl., ne sendas unue.

**Sokal** (Galicio). S-ro Orest Karawan, gimnaziano, Zabuze-Belzka 154, PI, PK kĉl., pri ĉiaj temoj.

**Tustanowice.** S-ro Leon Ringler, delegito de UEA, PI, L kun seriozaj gesamideanoj.

## Sudslavio.

**Novi-Sad.** S-ro Otokar Skotak, Suboticeva ul. 23, PI bfl kĉl.

**Pozarevac.** S-ro Voja Bogdanović, Ljuborijska 13, PM, PK bfl kĉl.

**Sinj** (Dalmacio). S-ro Ante Ćatipović, ulica Petrovac, PI bfl kun la tuta mondo, prefere kun oriento.

**Split.** S-ro Rolf Rupčić, pošta sekretario, Palmina 9, PI kun samideanoj en Azio, Afriko kaj Aŭstralio. Intencante fari paroladon pri Japanio, li petas klarigajn L de japanoj pri lando kaj popolo.

**Sremska-Mitrovica.** F-ino Ljubica Bojić, Planinska ul. 21, PI bfl kĉl.

**Sremska-Mitrovica.** S-ro Gustavo Pšibil, horloĝisto, je dispono al tutmondaj amantoj de korespondado kaj petas pro multnombra skribado, PI bfl kĉl.

**Sremska-Mitrovica.** S-ino Ana Marošević, Nisha ul. 37, juna vidvino, deziras konstantan korespondadon nur kun samideanoj inter 30-45-jaraĝoj. Preferon havas vidvoj kaj fraŭloj de la indikita aĝo. Laŭvole estas tuj sendata fotografaĵo, sed unue sendu la vian. PI bfl kĉl., ĉiam kaj certe respondos.

## Svedlando.

**Borgstena.** 30 kursanoj deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu tuj al S-ro A. Emanuelson, Borgstena.

**Bromölla.** S-ro John Nilsson, Box 26 - 100, PI, L, fotoj prefere kun fraŭlinoj kaj ekstereŭropanoj, Germanio esceptita.

## Usono.

**Denver** (Col.). S-ro James P. Smith, 731 So. Washington St., L, PI kĉl.

**Denver** (Col.). S-ro Lofton G. Hand, 4400 Osceola St., L, PI kĉl.

**Denver** (Col.). F-ino Irma Ward, 3245 Clay St., L, PI kĉl.

**New Duluth** (Minn.). S-ro R. Goldner, ricevinte iom multe da korespondaĵoj, informas, ke nur iom post iom li povas respondi al ĉiuj personoj. Oni atentu lian respondon, ne skribante plu ĝis ties ricevo.

# Junula korespondado.

**Planitz** (Sachsen, Germanio). S-ro Johannes Uhlig, Äußere Zwickauer Strasse 34, serĉas por siaj 110 gelernantoj (skoltoj, sportuloj, gimnastikuloj, naturamikoj kaj oficistoj ŝtataj) kaj ankaŭ por si mem korespondantojn por ĉiuj temoj. Interŝanĝas ankaŭ PM, PI kaj gazetojn. Certe respondos.

**Rokiškis** (Litovio). Gimnaziano de la 8-a klaso deziras korespondadi kun ĉiuj landoj pri esperanta movado, pri popolaj kutimoj, pri popolaj kantoj kaj pri pedagogio, L, PI bfl. J. Žiurlys, Rokiškis, gimnazio, Litovio.

**Weinböhla-Dresden** (Germanio). Pli ol cent infanoj 11-14-jaraj, knaboj kaj knabinoj, deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo. Sendu poŝtaĵojn unue al S-ro A. Sohrmann, superinstruisto, Kronprinzenstrasse 5, Weinböhla-Dresden, Germanio. Certe respondos.

Esperanto-Presejo Magdeburg.